VIa jaro. No 85 — Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) — 5 Septembro 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*

ABONO

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . . . 1,60 $ (4 frankoj)
La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.
Redaktejo & Administrejo : *10, rue de la Bourse,* GENÈVE (Svisujo).



## Dum la lasta duonmonato

**La kunvenoj de U. E. A. en la Kongreso de Washington havis grandan sukceson.**

**La sepa Internacia Kongreso de Esperanto okazos en Antverpen, de la 20 ĝis la 27 de Aŭgusto.**

**Oni aktive laboras en la Oficejo de U. E. A. por la preparado de nova agadjaro.**

## Malferma Parolado

ĉe la

## 1a Kongreso de U. E. A.

*Farita de* Sro **H. HODLER**

VICPREZIDANTO DE U. E. A. (1)

En la momento kiam okazas la unua kunveno de la unua Esperantia Kongreso konvenas rememorigi, kia devas esti la celo de ĉi tiu Kongreso, ĉu ĉar kelkaj tion eble ne scias, ĉu ĉar aliaj povus difini por ĝi rolon, kiun ĝi efektive ne havas.

Antaŭ ĉio, oni povas demandi al si — kaj certe multaj el vi tion faris antaŭ kelkaj monatoj — ĉu la ideo de tia pure Esperantia Kongreso ne estas frumatura, ĉu nia ankoraŭ juna Asocio jam nun povos sukcese elporti tian gravan manifestadon. La multnombreco en kiu vi alveturis, la fervoreco pruvita per la granda nombro de la helpkongresanoj, la aspekto mem de ĉi tiu unua kunveno, tra kiu ni sentas ĝojĝian entuziasmon, montras al ni, ke niaj esperoj ne estis tro grandaj. Jam de nun ni povas antaŭdiri, ke certa estas la sukceso de nia Kongreso, je la vidpunkto de la ĉeestantaro kaj de la fervoreco.

Sed ni revenu al la celo de la Kongreso. Tiun celon fiksas mem la regularo en ĝiaj ĉefaj punktoj : la Kongreso havas antaŭ ĉio la taskon fiski la grandajn liniojn de la agado de l'Asocio dum la jaro venonta; ĝi montras la vojon sekvotan. Laŭ ĝiaj deziresprimoj, alprenitaj nur post zorge preparitaj raportoj, la Komitato devas gvidi Esperantion kaj klopodi dum la jaro por la efektivigo de tiuj bezonoj, kiujn oficialigis la Kongreso. Estas do necese, ke ĉar ili devas reprezenti plej ĝuste la mezajn opiniojn de la Esperantianaro, tiuj rezolucioj estu alprenataj ne nur de la Delegitoj sed de la Esperantianoj, kongrese kunvenantaj, tute egale kian situacion ili havas interne de U. E. A. Tio ĉi cetere estas konforma al la liberalaj principoj, kiuj estas la bazo de nia organizo. Nia Kongreso sekve de tio dirita ne diskutos detale regularojn, nek fiksos la organizon de servoj, nek alprenos devigajn decidojn; ĝi nur elmetas deziresprimojn, faciligas fruktodonan interŝanĝadon de ideoj inter Esperantianoj, naskigas proponojn kaj ebligas al la Komitato labori, ne laŭ sia propra plaĉo, sed laŭ difinitaj montroj, rezultato de la Kongresoj laboroj.

Tiel liberigita je senfruktaj diskutoj pri detalajoj ne tuj solveblaj kaj havanta ĉefe la celon prepari la ĝeneralan agadon de la jaro, la Kongreso povas havi tre utilan rolon kaj gravan influon al la vivo de nia Asocio.

Sed nia Kongreso havas ne nur laboran celon en la senco kiun mi sekve resumis. Ĝi ankaŭ celas pliproksimigi la Esperantianojn, faciligi ilian reciprokan interkonatiĝon, doni al ili la okazon por amikiĝo kaj interfratiĝo. Multenombraj estis dum la jaro la rilatoj inter niaj membroj aŭ inter niaj reprezentantoj kaj la Komitato, sed tiuj rilatoj estis pure skribaj, malproksimaj, nekonstantaj. Ni opiniis, ke estus plej utile por ni ĉiuj — ĉar ni ĉiuj estas kunlaborantoj — ke al tiuj skribaj rilatoj estu aldonataj la parolaj rilatoj, la persona renkontiĝo, la reciproka sinkonado, kiun neniam anstataŭos la plej perfekta sistemo de interkomunikigo. Ni esperas, ke en ĉi tiu direkto ankaŭ sukcesos nia Kongreso kaj ke per la ideoj interŝanĝitaj ĝi helpos al la kompreno de la celado de nia Asocio.

Ekzistas efektive multaj homoj, kiuj cetere aprobas U. E. A., sed ne plene komprenas ĝin. Iuj vidas en ĝi pure praktikan kaj komercan organizajon; oni ekzemple povas legi en broŝuro verkita de « fama » Esperantisto, kiu rebrilas la opinion de multaj kaj celas plene pritrakti la demandon pri Esperantismo, la jenan pli ol suprajan klarigon : U. E. A., societo de Esperantistaj komercistoj! Aliaj vidas en ĝi nur societon por propagandi Esperanton en praktikajn rondojn. Ĉu mi bezonas diri, ke tiuj ideoj reprezentas nur flankon de la vero, sed ne la veron, ke la personoj, kiuj tiel parolas, eĉ se ili estas membroj de U. E. A. kaj eminentaj propagandistoj estas spirite multe pli malproksimaj de ni ol multaj homoj starantaj ekster ni. Fakte, por kompreni U. E. A., estas necese scii ĝiajn fundamentajn ideojn, kiuj koincidas kun la idealo mem de Esperantismo. Plej klaran formuligon de tiu idealo vi trovos en la parolado de Dro Zamenhof, ĉe la Cambridge, a Kongreso : « Ni deziras krei neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentrajn apartajojn. »

Tio precize montras, kia estas nia idealo, kia estas la supera principo, kiu gvidas nin en nia laboro kaj subtenas nin en niaj klopodoj. Kelkaj samideanoj penetritaj ne precize per la interna ideo de Esperantismo diras, ke la konsciaj Esperantistoj laboras por la bono, la belo kaj la vero. Sendube ni laboras por tio, sed kiu movado ne proklamas, ke ĝi celas al tiu idealo. La vera karakterizo de nia movado kuŝas en tio, ke tiuj batalantoj por la bono, la belo kaj la vero estas el ĉiuj gentoj kaj landoj, ke ili uzas komunan lingvon, ke ilia patrujo estas ne ia teritorio, kiun protektas kanonoj kontraŭ la najbaroj, sed ja la tuta mondo, ke al tiu patrujo povas libere aliĝi ĉiuj homoj, kiuj volas kaj konfesas sian samsentecon kun nia idealo.

Nia Esperantia movado estas ankaŭ karakterizata per tio, ke ĝia idealo estas konkretigata per servoj tŝeblaj. Ha, sendube, estas facile eldiri flamajn frazojn pri idealo kaj internacia frateco, sed multe pli malfacile estas realigi ideon, igi ĝin ĉiutaga, ĝin enradikigi en la uzadon. Tiun necesan taskon ni plenumas per niaj servoj. Ili celas konstante rememorigi al la Esperantianoj la solidarecon kiu nin ligas unu al la alia. Ne ĉiu homo povas kompreni teorie la internan ideon de Esperantismo aŭ ĝin precize formuligi al si, sed ĉiu komprenos per la uzado la gravan instruon de internaciismo, kiu rezultas el la senĉesa interŝanĝado de ideoj kaj servoj inter Esperantianoj; ne ĉiu homo povas facile kaj memstare sin levi super sia pure nacia pensmaniero kaj idealo por juĝi laŭ pure homara vidpunkto, sed ĉiu homo partoprenanta en la Esperantia vivo vole nevole kun la tempo kaj la ĉiam pli ofta interrilatado kun Esperantianoj estos devigata sin altigi super sia pure nacia kriterio aŭ almenaŭ forjeti de sia nacia idealo ĉion negativan. Ni per tio konscias, ke ni pli multe laboras por la interpopola paco ol nin turnante al la registaroj kaj petante, ke ili bonvolu ĝin realigi. Ni faras ion multe pli gravan ol multaj tiel nomataj internaciaj konferencoj aŭ Kongresoj : ni preparas la fundamenton, super kiu ellaboriĝos la vera memstara internacia vivo.

Ni cetere ne estas fanatikuloj, kiuj kredas, ke nur Esperantismo alportas bonon al la homaro kaj ke ĝi estas la solvo de ĉio. Tute ne! Sed ni juĝas, ke ĝi alportas sufiĉe gravan novan valoron por ke ni laboru ekskluzive kun ĝi, simpatie rilatante kun ĉiuj movadoj, kies celo proksimiĝas al nia, sed irante ankaŭ ĉiam sur nia propra vojo.

Ni ĝis nun ne parolis pri la lingvo Esperanto Ĝi efektive ludas ĉe ni samtempe malgravan kaj gravan rolon : malgravan ĉar ni malofte parolas pri ĝi — gravan ĉar ni ne povus ekzisti sen ĝi.

La lingvo, por ni, estas nur ilo, ne celo. Ni uzas ĝin same kiel nacianoj uzas sian nacian lingvon kaj kiel ili amas sian lingvon, ĉar ili estas ligitaj al ĝi per la tradicio kaj la uzado, tiel same ni Esperantianoj amas nian lingvon, ĉar ni per ĝi malfermis al ni novajn horizontojn, plilarĝigis nian scion, povis rigardi trans la limoj de nia lando, trovi kunhomojn kaj amikojn ĉie en la mondo, malgraŭ la naciaj, rasaj aŭ lingvaj baroj — ĉar por ni jam ne ekzistas tiuj baroj.

Oni kelkfoje riproĉas al ni, ke tiuj ideoj kontraŭstaras al patriotismo kaj kondukas al neniigo de ĝi. Rilate al tio ni nur povas ripeti la vortojn de D-ro Zamenhof en Londono : « Dum la pseŭdo-patriotismo, t. e. la genta ŝovinismo estas parto de tiu komuna malamo, kiu ĉion en la mondo detruas, la vera patriotismo estas parto de tiu granda tutmonda amo, kiu ĉion konservas, konstruas kaj feliĉigas. La esperantismo, kiu predikas amon, kaj la patriotismo, kiu ankaŭ predikas amon, neniam povas esti malamikaj inter si. »

Ne, ni ne laboras *kontraŭ* io ajn, sed *por* la homaro, sed ĉar ekzistas homoj, kiuj juĝas sian nacion superan al la homaro, homoj por kiuj la amo al la patrujo estas nutrata ĉefe per malamo aŭ almenaŭ malestimo al la aliaj patrujoj, ni fakte laboras kontraŭ ili. Neniu povas trudi al ni aliajn sentojn al tiujn liveritajn al ni de la sperto. Nia Esperantisma sperto pruvas, palpeble pruvas, ke sur la neŭtrala fundamento de Esperantismo homoj de diversaj nacioj kaj lingvoj povas reciproke pace interkomunikiĝi, sen altrudo de sciaj naciaj kaj lingvaj apartajoj; nia sperto pruvis al ni la falsecon kaj absurdecon de la antaŭjuĝoj, kiujn ŝovinistoj konfesas kiel netuŝeblajn dogmojn ĉu sincere pro manko de tiu sperto, ĉu pro aliaj pli profitigaj kaŭzoj. Ni ne trudas al la aliaj niajn opiniojn, kvankam ni havas bonajn kaŭzojn ilin kredi pli saĝaj, sed oni bonvolu nin ne senbaze kulpigi pri tio ke niaj ideoj kontraŭstaras al patriotismo, ĉar niaj spertoj sincere montras al ni unue, ke ni ne povas akcepti kiel verajojn absolutajn ĉion, kion en la nomo de pseŭdo-patriotismo rakontas ŝovinistoj, due ke la plej diversaj nacianoj sen helpo de kanonoj kaj similaj defendiloj povas frate interrilati en konstanta maniero, kondiĉe ke ili tion faru sur neŭtrala fundamento akceptebla de ĉiuj.

Mi provis skizi al vi la esencajn ideojn de nia Esperantisma movado. Longatempe, tro multaj el niaj samideanoj, sentante tiujn ideojn, silentis pri ili; tro longe ili atentis ekskluzive pri la lingva formo, konsiderante la internan ideon de Esperantismon kiel ion flankan. Nia Asocio estus io senvalora kaj senanima se ĝi sekvus tiun agadon, sub la preteksto ke la interna ideo povus forigi de ni kelkajn tiel nomatajn, timemajn personojn; la personojn, kiujn povas timigi la interna ideo de Esperantismo ni tute ne deziras en nia Asocio eĉ se ili tre bone parolas Esperanton! Ni antaŭ ĉio bezonas konsciajn membrojn kaj *samideanojn*, en la vera senco de l'vorto. Ni bezonas kunlaborantojn fervorajn kaj sagacajn. Kie ni ĉefe trovos ilin? Vi ja ĉiuj konstatis, ke niaj plej multaj Esperantianoj estas homoj el mezaj klasoj : laboristoj, instruistoj, oficistoj, ĉar al tiuj homoj Esperantismo servis, ĉar per ĝi ili pliriĉiĝis sian sperton, ĉar ili trovis en ĝi ion, kiu samtempe kontentigas ilian idealismon kaj iliajn pozitivajn praktikajn bezonojn. Sen ekskluziveco ni do turnas nin precipe al la popolo, al ĝi ĉe kiu vivas la necesa idealismo kaj sindonemeco por la longa batalado, al ĝi ĉe kiu ni samtempe trovos la fervorajn laborantojn, per kiuj sole niaj ideoj povas efektiviĝi. Se al la antaŭenigo de tiu idealo, se al la plifortigo de Esperantismo povas helpi tiu manifestado, vivu la unua Esperantia kongreso! Vivu Esperantismo!

(1) Teksto poste restarigita kaj resumita.

## SOCIA VIVO

### JURO

**La laboro de la lasta Usona Kongreso.**

Ĵus finiĝis longega kunsido de la usona nacia kongreso, la sesdekunua. Multe da gravegaj leĝoj estis difinitaj, kaj estas la kunkonsento de la jurnalaro de la lando ke pli da efektiva konstrua laboro estis plenumata en la ĵusa kongreso ol en iu alia depost la interŝtata militado de preskaŭ sesdek jaroj pasintaj. La ĉefaĵoj de la dirita leĝaro estas jene resumeblaj

Leĝo pri fervojoj, kiu plilarĝigas la reguligajn povojn kaj rajtojn de la registaro rilate al la tiel nomataj « komunaj transportistoj », inter kiuj estas nun enkalkulataj la telegrafaro kaj la telefonaro. Eksterusonanoj devus kompreni ke la fervojaro de Usono estas neniel sub la kontrolado de la registaro. Leĝoj tuŝantaj la fervojaron ĝenerale estas negativaj, kaj celas protekti la rajtojn de la enloĝantaro kontraŭ la uzurpado de la kombinita kapitalo en la manoj de malmulte da milionuloj.

Leĝo pri poŝtaj ŝparkasoj. Tre malrapida estis Usono pri la establado de poŝtaj ŝparkasoj. Longtempe jam aliaj landoj ĝuis tiajn privilegiojn, sed jen la unua usona leĝo de tia karaktero. La nova leĝo efektiviĝos dum Septembro de la nuna jaro, kaj estos bone akceptata. Oni atendas torentofluon da mono de la ŝparemuloj, ĉar bedaŭrinde la ŝparbankoj de Usono ne ĉiuj estas fidindaj, kaj oni hezitas lokigi monon en bankon kie la ŝparaĵoj de multaj jaroj eble kaj tro ofte estas malaperigataj pro la friponeco de iu bankoficisto. La jara procento de la poŝtaj bankoj estos 2%, kiu do estas malmulte. Sed la plimulto de la mondeponintoj konsideros ke la elemento de la sendanĝereco superpaŝas pli altan procentmezuron donatan de la privataj aŭ kompaniaj bankoj.

Leĝo kiu ŝtatigas la ĝisnunajn teritoriojn, Arizono kaj Nova Meksiko. La ŝtatigado de la teritorioj de Usono fine estas plenumita. Restas neniu neŝtata teritorio escepte la eksteraj posedaĵoj, — Alasko, Sandviĉaj Insuloj, Filipinaj Insuloj, Porto Riko, k. a.

Leĝo pri la konservado de publikaj landoj en la Okcidento. Pri tiu ĉi temo oni povus skribi multe. Tiaj leĝoj estas tre gravaj pro tio ke ili koncernas la estontecon de la vastaj, neokupataj kulturteroj kaj la arbarteroj en la okcidentaj ŝtatoj, kaj celas gardi tiajn terojn kontraŭ la avareco de la riĉeguloj kiuj ruze posedigus al si la tutan vakantan landaron, se oni ne malhelpus ilin.

Leĝo kiu kreigas minoficejon kiu estos sub la direktado de registaro. La multaj teruraj malfeliĉaj okazintaĵoj de la lasta malmultaj jaroj, ĉe la minejoj, instigis la amikaron de la minaj laboristoj, petegi al la nacia kongreso ke ĝi establigu registaran observadon kaj inspektadon de la minejoj.

Leĝo kiu devigas ke politikaj partioj publike anoncu pri la kvanto kaj la origino de la tata monaro elspezita en ĉiuj politikaĵoj.

Leĝo kiu kreigas specialan komitaton por enketi pri la trograndigado de la akciaro de la fervojaj kompanioj.

Leĝo kiu rajtigas la konstruon de du militŝipegoj, kaj multe da ordinaraj militŝipoj. Kutime ĉiu kongreso ordonas la konstruon de du militŝipegoj.

Leĝo kiu devigas la elmariĝon de la usona militŝipego « Maine » kiu kuŝas sur la malsupro de la maro en la haveno de Havano. Oni memoras ke la ŝipego « Maine » estis subakvigata en la havana haveno, en la monato Februaro 1898, per ia terura eksplodilo, aŭ interna aŭ ekstera, kiu disbategis la ŝipegon, mortigis pli ol du cent usonajn militŝipanojn, kaj konsternis la du naciojn Hispanujon kaj Usonon. De tiam la subakvigita ŝipo estis konstanta minaco al ĉiuj movantaj ŝipoj en la haveno. Scivoleme oni atendos la elmariĝon de la ŝippereaĵo, mirante ĉu estos eltrovate, ke la eksplodilo kiu frakasis ĝin devenis de la interno de la ŝipo, ĉu de la ekstero.

Leĝo tre severa pri la tiel nomata « blanka sklaveco. »

Leĝo kiu postulas ke la fervojaj kompanioj uzu kiel eble plej multe da defendiloj kaj sendanĝerigiloj en la fervojaj vagonoj kaj lokomotivoj por protekti la laboristojn en ilia danĝerega laboro.

Leĝo kiu pliigas la regularon pri fremda enmigrado.

Leĝo kiu oficialigas la eldonon de monobligaciaro je la sumo da 40.000.000 Sm. por la plenumado de irigaciaj projektoj en la okcidentaj ŝtatoj. Estas malfacile tute kompreni la amplekson de la planoj de la usona registaro por rebonigi kaj produktigi la dezertajn kaj senhomajn ebenaĵojn de la okcidento. Tiuj vastaj senvivejoj post malmulte da jaroj floriĝos kaj hompleniĝos dank' al la antaŭvideco de la registaro kiu tiel malavare elspezas milionojn da dolaroj por bonigi nun senutilajn terojn.

Krom la suprecititaj okazis la kutimaj leĝigoj necesaj por la daŭrigado de la diversaj registaraj departementoj, moneldonoj por la militistaro, por la militŝiparo, por la Poŝtoficejo, k. t. p. Je la fabrikado de libroj estas neniu fino; verŝajne same je leĝoj.

H. Hall (Cleveland).

**Japanujo kaj Koreujo.**

En lasta tempo la japana ĉefpolicejo en Seoul publikigis jenan ordonon, kiu celas la pacigon inter la koreoj kaj japanoj kaj kondukas la unuajn al la vojo de civilizado. La ok punktoj estas jenaj :

1) Ĉiu, kiu nur provos rompi la amikajn rilatojn inter la japanoj kaj koreoj estos ekzilata for el la limoj de l'imperio.

2) Severege punitaj estas personoj, kiuj disvastigos iajn famojn, povantajn rompi la ekzistantajn bonajn rilatojn inter la japanoj kaj koreoj. Por tio estas eldonata speciala leĝo kaj la kulpuloj estos punitaj sen ia indulgo.

3) Severaj antaŭrimedoj estos uzitaj kontraŭ tiuj japanoj, kiuj provoke kondutos al Koreoj kaj la registaro neniel permesos maljustajn agojn al la lastaj.

4) La Koreoj estos kulturigitaj per praktikaj lecionoj.

5) Ĉia ebla helpo estos prezentita al entreprenoj organizitaj de japanoj kune kun koreoj.

6) Kunvenoj, gvidataj de japanoj kaj koreoj estos aprobataj.

7) Je ĉia okazo oni klarigas al koreoj la esencon kaj celon de japan-koreaj rilatoj.

8) Sociaj interligoj de japanoj kaj koreoj estos varme aprobitaj.

Orientulo.

## KOMERCO

**Rusa komerco en Suda Mandĵurio.**

La konstanta natura aspiro de Rusujo al la Malproksima Oriento finiĝis, kiel konate, per kontrakto en 1886 inter Rusujo kaj Ĥinujo, kiu prezentis al rusoj la rajton konstrui la unuan fervojon, ligantan la ekstreman okcidenton kun la ekstrema oriento, kiu donis la eblecon komenci pli foran komunikiĝon kun la najbara Imperio.

Ĝis tiu tempo ĥinoj havis nenian prezenton pri rusaj komercaĵoj, ĉar pli frue enirintaj en la landon fremduloj prenis sur sin la komercon, penis ĉiu kontentigi la guston kaj postulon de ĥinoj, jaluze prigardante, kompreneble, siajn fabrikaĵojn de la konkurado kaj de apero, en sudo de Mandĵurio, de produktaĵoj alinaciaj. Tamen la situacio, kiun okupis la rusoj en Mandĵurio, nature altiris en la landon multe da rusaj produktaĵoj, kiuj devis kontentigi la bezonojn de militistaro kaj de ceteraj enloĝiĝintaj ĉi-tie rusoj. Ĥinoj iompost-iom konatiĝadis kun la rusa manufakturo kaj aliaj komercaĵoj, kaj aĉetadis ĉion, kion permesis al ili la monrimedoj.

La ordo, fariĝinta en Mandĵurio post la Ruso-Japana milito kaj konstruo de japanoj de sudmandĵuria fervojo redevigis rusajn entreprenantojn kaj fabrikistojn, kiuj malfermis provizejojn de siaj komercaĵoj en Ĥarbin, atentigi Sudan Mandĵurion.

Meze de 1902, komercistoj el [illegible] fon-

dis akcian societon por aĉeto de rusaj komercajoj kaj eksporto de enlandaj produktajoj en Rusujon. La reprezentantoj de tri fonditaj kompanioj iris Rusujon kaj helpataj de Ruso-Ĥina Banko, malferminta al la komercistoj en la moskva filio krediton da 140.000 Sm., aĉetis en Moskvo komercajojn por 100.000 Sm. Inter la akiritaj komercajoj troviĝis produktajoj de la plej gravaj rusaj manufakturistoj.

La jaron 1908 oni povas konsideri kiel komencon de disvolviĝo de rusa komerco en la sudo de Mandjurio.

Antaŭ la komenco de ĉi-tiu jaro la kompanio « Vikula Morozov kun filoj » en Inkoŭ faris kontrakton kun konata ĥina firmo « Si-i-ŝunj », laŭ kiu ĝi ricevas la rajton de monopola vendado en tuta Suda Mandjurio de produktajoj de nomata kompanio de malpli ol por 100.000 Sm. ĉiujare. La spezo de kompanio V. Morozov en Suda Mandjurio prezentis sumon de 142,517 Sm. La rezultatoj estas bonaj.

La dirita kontrakto vekis intereson por vendo de siaj fabrikajoj ankaŭ ĉe alia Moskva komercfirmo « manufakturkompanio Ivan Konovalov kaj filoj ». Alveninta komisiisto de ĉi-tiu kompanio faris kontrakton en Inkaŭ kun ĥina firmo por disvastigo per ĉi lasta de siaj produktajoj en Suda Mandjurio. La komerca spezo de produktajoj de « Konovalov » dum pasinta jaro prezentis sumon de 6.583 Sm. Samtempe estis venditaj koloraj teksajoj de fabriko « Konŝin » por 3.000 Sm.La produktajoj de manufaktura K-io « Emil Cindel » (katunoj) estas disvendataj tute sukcese en Suda Mandjurio. La komerca spezo de la kompanio dum pasinta jaro prezentas sumon superantan 25.000 Sm.

Unu el la plej vastigita kaj profitiga por la entreprenantoj branĉo de la rusa industrio en Norda Mandjurio estas la farunmuelado. En aŭgusto 1909 aperas la faruno de rusaj muelejoj; diversaj konataj firmoj sukcese negocis pri tio.

La Rusa petrolo jam longe penetris en la vendejon de Suda Mandjurio.

Komence de 1908 la K-io. Orient-Azia nafta komercindustria, renovigis sian agadon en Suda Mandjurio, malfermante tenejon en urbo Dalnij kaj agentejojn diversloke. Sed kaŭze de malbona organizado kaj, videble, pro malkuraĝo de kompanio larĝe aranĝi la aferon, la vendado de petrolo antaŭeniras malrapide. Dum 1908 kaj 1909 jaroj en tuta Suda Mandjurio estis venditaj nur 15.000 da ujoj kun petrolo (kestoj) por sumo proksimume 50.000 Sm. Same malrapide progresas la vendado de rusaj cigaredoj.

Tia estas la situacio de rusa komerco en Suda Mandjurio. La fundamento estas farita kaj ni vidas ĉiujn eblojn por pli vasta komercado.

R. J. Ellеder (Del Vladivostok).

**La tutmonda rikolto de kafo.**

Laŭ la taksoj el Brazilujo la kaforikolto de la mondo en la negocjaro finita de 30-an junio 1910-a estos 19.125.000 sakoj. La parto de Brazilujo de tiu ĉi produkto estas 15.234.000 sakoj = 79.65 0/0; dume la aliaj landoj produktantaj kafon liveras nur 3.891.000 sakojn. Dum la lastaj 9 jaroj la kafoprodukto estis jena :

| | Rikolto de la mondo sakoj | Brazilujo sakoj | 0/0 |
|---|---|---|---|
| 1908-09 | 16.918.000 | 12.419.000 | 73.8 |
| 1907-08 | 14.834.000 | 10.283.000 | 69.3 |
| 1906-07 | 23.814.000 | 19.654.000 | 02.5 |
| 1905-06 | 14.792.000 | 10.227.000 | 69.1 |
| 1904-05 | 14.448.000 | 9.968.000 | 68.9 |
| 1903-04 | | | |
| 1902-03 | 16.664.000 | 12.324.000 | 73.9 |
| 1901-02 | 15.100.000 | 12.927.000 | 72.3 |
| 1900-01 | 19.735.000 | 15.439.000 | 78.2 |
| mezaj ciferoj de la 9 jaroj : | 15.940.977 | 12.405.444 | 72.56 |

**Oni vidas el tiuj ĉi ciferoj, ke la produkto de brazila kafo estas tre ŝanceliĝa kaj ke la tero plantita de kafarboj ne pligrandiĝis.**

Kontraŭe la malaltaj prezoj efikas, ke la produkto malpligrandiĝas en aliaj landoj. Sed en Brazilujo estas leĝo, laŭ kiu ĉiu arbo ne plu fruktoportanta devas esti anstataŭata de nova arbo.

La prezoj ne multe ŝanceliĝis.

Ekzistas internacia banksindikato, kiu posedas kvanton da 6.000.000 sakoj da brazila kafo kaj vendas parton de ĝi ĉiujare. Tio havas influon sur la estontan prezon de la komercajo. La videblaj provizoj de kafo en la tuta mondo estis je la komenco de la nova rikoltjaro 13.719.530 sakoj, unu milionsakoj pli ol antaŭ unu jaro. Oni esperas, ke malgranda rikolto de la nova jaro kaŭzos plimalgrandiĝon de la tro granda mondprovizo.

Vogler (Del. Hamburg.).

**Kanalo de Suez.**

La trafiko tra la kanalo kreskis dum la lastaj jaroj en neordinara mezuro, tiel ke la nacioj bezonantaj la kanalon por la ekspedo de la ŝipoj orienten devas konsideri la altajn depagojn al la kompanio kiel malagrablan plikarigon de la transportkostoj. La kompanio jam estas preta malplialtigi la depagon je proksimume 6,4 0/0, sed tio ŝajnas nesufiĉa kompare kun la plialtiĝo de la enspezoj, kiuj estis dum la unua duonjaro 1910 Sm. 16.620.000 kaj plialtiĝis je 14,1 0/0 kontraŭ la sama epoko de la pasinta jaro.

Tio montras, ke la kompanio ne bone komprenas la signifon de la kanalo kiel perilo de internaciaj interrilatoj, sed en unu vico klopodas fari grandan gajnojn. Majgraŭ tre grandaj rezervajoj faritaj ĉe ĉiuj bilancoj, la dividendoj atingis la eksterordinaran altecon da 30 0/0. La kompanio ne atentas pri la interkonsento inter S-ro de Lesseps, la fama konstruinto de la kanalo, kaj la britaj ŝipposedantoj, laŭ kiu la kompanio en la okazo, se la dividendo superas 18 0/0, estas devigata uzi la duonon de la pliajo, kaj se ĝi superas 25 0/0, la tutan pliajon por malplialtigi la depagon. Se eble kun rajto la kompanio pretendas, ke la interkonsento ne havis la formon de firma kontrakto, ĝi tamen devas pli bone kompreni sian taskon konsistantan en la plifaciligo de la komerco. Estas la devo de la koncernataj registaroj pritrakti la aferon en efika maniero. Ankaŭ estas devige, ke la kompanio pliprofundigu kaj plilarĝigu la kanalon, ĉar la nombro de la pasantaj ŝipoj jam estas tiel granda, ke la ekspedo ne povas okazi en sufiĉe rapida maniero.

Vogler (Del. Hamburgo).

## KONGRESOJ & FESTOJ

**La VIII internacia kongreso de zoologoj**

Komparu la hodiaŭan zoologion kun tiu de antaŭ unu jarcento. Ĝi hodiaŭ estas grandampleksa scienco dank'al Lamarck, Darwin, Haeckel, k. t. p.

La zoologaj kongresoj okazas ĉiutrijare. Okazis en 1889 la unua en Parizo, sekvis Moskvo, Leiden, Cambridge, Berlin, Bern, Boston kaj nun Graz, kie ĝi okazis de la 15-20 aŭgusto 1910.

Sendis 36 oficialajn delegitojn la jenaj 17 ŝtatoj: Ĥinujo, Kuba, Germanujo, Japanujo, Italujo, Luxemburg, Monako, Nederlando, Francujo, Rumanujo, Ruslando, Svedujo, Svisujo, Hispanujo, Sudaŭstralio, Usono, Würtemberg ; reprezentantoj : Bremen kaj Lübeck.

Estis ankoraŭ reprezentitaj 50 sciencaj asocioj per 77 delegitoj, 107 universitatoj per kaj muzeoj per 128 reprezentantoj.

Partoprenis al la kongreso 546 personoj, la plej multaj el Aŭstrio.

Oni aranĝis multajn sukcesplenajn ekskursojn en la Graz'a ĉirkaŭaĵo kaj la 20an de aŭgusto 150 partoprenantoj forvojaĝis Trieston, de kie ili vizitis Dalmatujon. Alia parto entreprenis vojaĝon al Erzberg kaj al lago Leopoldstein.

Ruščić (Graz).

## PEDAGOGIO

**La pafado kiel lernobjekto**

La Aŭstria ministro de la kulto kaj instruado surprizis en lastaj tagoj la enlandan publikon per neatendata novajeto: ĉe la mezaj lernejoj (gimnazioj, realaj kaj faklernejoj) estos instruataj la pafado kaj l'ekzercado kun pafiloj.

Jam en la plej proksima lernojaro la dirita novajo devas laŭ ministra ordono esti ekefektivigata. La pafinstruado iĝos de komence de l'oktobro 1910 lernobjekto, por nune nur nedeviga, kaj daŭros ĉiujare ĝis majo; sed sole al la lernantoj de du plej altaj klasoj de supre cititaj lernejoj estos permesata uzi l'okazon ellerni pafadon. Instruadon prizorgos en urboj, kie estas garnizono aktivaj leŭtenantoj, aliloke mezlernejaj profesoroj verŝajne tiuj, kiuj estas rezervaj leŭtenantoj. La pafekzercado komence komprenéble kun municio nurpafa fariĝos ĉiusabate du horojn posttagmeze, en lernejaj gimnastikejoj, pli poste ankaŭ kun akraj pafaĵoj sur soldataj ekzercejoj aŭ en kazernoj, kie tiuj troviĝas, en sengarnizonaj urboj sur lokoj por tio speciale elektotaj kaj al dirita celo taŭgaj. La instruado havos du flankojn : teorian kaj praktikan; la teoria konsistos je klarigo pri soldataro kaj ĝia organizo, pri la signifo de l'armeo, ktp; la praktika ennanigos al la lernantoj aŭstrian pafilon kaj sciigos la lernantojn pri efektiva uzado de pafiloj kaj pafaĵoj. En atestoj ne estos nova lernobjekto klasifikata.

Fine de ĉi-tiu jaro la direkcio de ĉiu instituto donos detalajn raportojn pri rezultato de la pafinstruado al la estraro de landdefenda soldataro de sia lando, kiu komunikigos ricevitajn raportojn al la ministro de sama fako. Supran inspekton havos laŭ tio militaj oficoj, ne la lernejaj, de kio sekvas, ke la reformo estas farita ne en intereso de individuoj, sed en publika intereso de la ŝtato.

Multaj gazetoj esprimis negrandan simpation por ĉi tiu reformo, dirante, ke ĝi signifas nedezirindan enkondukon de milita spirito en lernejojn kaj informante, el kiaj kaŭzoj la reformo estas nebonveninda, aŭ kalkulante, kiom da aliaj lernobjektoj ekzistas, kiuj estus pli enkondukindaj ol la pafado. Nedisputeble estas, ke la lernantoj pli multe kaj por tuta sia vivo gajnus per l'instruado de Esperanto ol per la pafekzercado, eĉ ne rigardante la danĝeron kiu povas eventuale minaci, se oni ekflamigas en ne ĉiam pripensema junularo avidecon je pafiloj kaj pafado.

M. A: Heyrovský. (Nem. Brod.)

## AERVETURADO

**Poŝto kaj aerveturado**

La karakteriza signo de l'moderna poŝto estas, ke ĝi provas uzi ĉiun nove aperantan trafikilon por siaj celoj. Tiel uziĝas por interkomunikado la vaporŝipo, fervojo, telegrafo, telefono, velocipedo, aŭtomobilo k. t. p. Sole la tuto de tiuj iloj kreis la grandegan, nunan mondpoŝton. Kun la direkteblaj aerŝipoj kaj aeroplanoj ekzistas nun nova, promesriĉa komunikilo. Tio estas senduba kiam oni atente sekvas la konstantan progresojn kaj perfektiĝojn en la konstruado de aviadiloj, la ĉiam pli kaj pli gravigantajn distanc- kaj alteflugojn. Laŭ la ĝisnuna disvolvo de la trafiko oni povas jam nun serioze pripensi la demandon ĉu aerŝipo kaj aeroplano ankaŭ taŭgas por poŝtservo.

La uzado de l'balono por poŝtceloj ne estas nova. Jam diversfoje ili estis uzataj kun bona sukceso, kvankam la uzitaj baloj ne estis nedirekteblaj. Kiom pli kapablaj ol tiuj sendirektilaj aerveturiloj estas la hodiaŭaj aerŝipoj ! Ili povas ne nur forveturi al difinita destinloko sed povas ankaŭ reveturi al sia forirloko.

La regula poŝtservo postulas de transportilo rapidecon, malkarecon kaj fidindecon. En tiuj rilatoj la nuna ĉefa transportilo de la poŝto, la fervojo, superas la aerveturilojn. Sed ne forgesu ni ke la tuta aerveturado troviĝas ankoraŭ en komenca stato. Tio precipe rilatas la flugmaŝinojn. Antaŭ unu jaro estis nur malgranda nombro de aviadistoj kiuj povis resti kelke da minutoj en aero, kaj nun estas pli ol cento kiuj flugis ĝis la daŭro de duono de horo. Fariĝis jam daŭrflugoj de pli ol 4 horoj, eĉ flugoj kun pasaĝeroj kaj alteflugoj de pli ol 1,700 metroj. Kio ŝajnas neebla, konsiderante tiun rapidegan disvolvon de tiu plej juna trafikilo ! Fervojo kaj aŭtomobilo disvolvis multe pli malrapide. Kiam de longa tempo jam vaporŝipoj sur riveroj kaj lagoj veturis, plej saĝaj homoj pruvis, ke vaporŝipo neniam povus trapasi l'oceanon kaj — hodiaŭ faras poŝtvaporŝipoj oceanvojaĝojn laŭ regula horaro kaj kun la sama precizeco de l'fervojo. Oni do ne devas juĝi la praktikan uzeblecon de la aerveturiloj laŭ ilia nuna stato.

Unue oni povas antaŭdiri kun plena certeco ke precipe la flugmaŝinoj, kiuj jam nun, rilate rapidecon, superas la aerŝipojn, en malmulte da tempo superos niajn plej rapidajn vagonarojn. Kun la kreskanta forteco de la maŝinoj plimalgrandiĝos ankaŭ la portpilatoj de la flugmaŝinoj kaj konsekvence kreskos la sendependeco de l'flugilo kontraŭ la vento. Ne nur la rapideco kreskos, sed ankaŭ la fidindecu kaj la aparatoj pro tio perdos la karakteron de « belvetera maŝino » pli kaj pli. Kiam la flugmaŝinoj estos alveninta je tiu ŝtupo de disvolvo kaj ne posedos aerveturilon, kiu eble kun triobla rapideco de ordinara vagonaro traflugos l'aeron, tiam ankaŭ la poŝto ne plu povos longe heziti por uzi tian transportilon.

La komence pli altaj kostoj de l'aerpoŝto ne estas konsiderataj, se laŭ la historio de la trafiko per pli grandaj elspezoj pli gravaj rezultatoj estas atingeblaj. Oni pripensu nur kiom da miliardoj estas enfandita en relvojoj, landtelegrafaj linioj, submaraj kabloj k.t.p. La trafiko procentigas ĉiun kapitalon tuj kiam prezentiĝas al la publiko sufiĉe da profitoj.

Por la traveturo de la distanco Dover-Calais, mezurante 42 kilometrojn la poŝtvaporo bezonas 1 1/4 hor. Jam Blériot trapasis la saman distancon en 1/2 da horo. Se oni atingas, ke aerveturilo flugos la kanalon ankoraŭ en pli mallonga tempo, kaj ke ĝi ankaŭ dum forta ventado restos taŭga, tiam estas devo de la poŝto uzigi sur tiu grava trafiklinio tiun komunikilon.

La mirinda rapideco laŭ kiu la aerveturiloj jam hodiaŭ disvolvas montras la vojon sur kiu ili trovos praktikan uzadon en regula poŝtservo. Same kiel la velocipedo ne tute forigis la piedsendinton, nek la fervojo la poŝtkaleŝon,same la aerveturilo ankaŭ en sia plej perfekta formo neniam senbezonigos la uzon de fervojo aŭ vaporŝipo. La aviadiloj ne estos rivaloj de la ekzistantaj poŝtkomunikiloj, sed ili perfektigos la reton de la poŝtkomunikoj en nova direkto. Ili ebligos tian rapidan servon, kia ne estis kreebla kun la nunaj transportiloj.

Trad. F. Schmutz (Basel).

## IDEOJ & FAKTOJ

**La Oficejo de l'Amerika Respublikaro**

Antaŭ nelonge estis okazintaĵo, kiun la ĉefurbo de Usono dum longa tempo venonta eble ne facile forgesos. Okazis la inaŭguro de la belega konstruaĵo, la oficejo kaj estrejo de l'tutamerika komerco, amikeco kaj paco.

Je la inaŭguro de tiu ĉi konstruaĵo, estas inde noti kelke da interesaj faktoj en la historio de tiu ĉi interamerika unuiĝo, kaj en la evoluado de okazintaĵoj kiuj kondukis al la konstruado kaj kompletiĝo de la tutamerika interfratejo ; ankaŭ konvenas priskribi kelke da unikaj konstruaj karakterizaĵoj kiuj ne nur enregistras kaj vidigas tiujn ĉi faktojn sed ankaŭ nerezisteble al centrigas la penson je la vasta graveco de la tut-amerika ero.

Dum la vintro 1889-1890 kunvenis ĉe Washington unuafoje la delegitoj de Argentino, Bolivio, Brazilo, Ĉilo, Kolumbio, Kosta-Riko, Ekvatoro, Gvatemalo, Hajtio, Honduras, Meksikujo, Nikaragvo, Paragvajo, Peruo, Salvadoro, Urugvajo, kaj Venezuelo por diskuti kun delegitoj de Usono pri temoj de politiko kaj ekonomia intereso de la popolaro tutamerika.

Tiu ĉi unua Internacia konferenco de la tutamerika respublikaro ŝuldas sian ekziston al la grandnoma James G. Blaine, la tiama ŝtatsekretario, kaj estis unika en la historio tutmonda. Malsimilaj al antaŭaj konferencoj, tiu ĉi kunveno ne okazis en dummilitaj tagoj por dislotigi teritorion kaj popolojn survenkitajn. Ĝia celo estis paca dum paca tempo por interparoli pri paca celo.

El unu el la rezolucioj aprobitaj elkreskis la Internacia Oficejo de la Tutamerika Respublikaro, unika institucio starigita por antaŭenigi la celojn de tiu ĉi konferenco. Ĝi montriĝis forta dum la sekvantaj konferencoj en Meksiko kaj Rio-de-Janeiro kaj plimulte fortiĝos ĉe la nunjara konferenco en Buenos-Ayres.

Washington estis elektita kiel ĉiama hejmo de la oficejo de tiu ĉi instituto. Propono farita dum la dua konferenco, ĉe Meksiko, en 1901-1902, akcelis la starigadon de la « Columbus Memora Biblioteko ». La ĉiam grandiĝanta libraro plimalvastigis la spacon ĝis tiam utiligitan de la oficistaro. La demando pri pli vasta oficejo estis diskutata de la kontrolantaro. Estas interkonsentite, ke konstruaĵo estu starigota je la sumo de 250.000 Sm. kontribuota porcie je la buĝetoj de la amerikaj respublikoj. La propono estis entuziasme aprobata de la latin-amerikaj registaroj. Ili faris kontribuajon proksimume je 100.000 Sm. aldone al la 150.000 Sm. de Usono.

Intertempe la famo Theodore Roosevelt fariĝis prezidanto duafoje. S-ro Root, estante ŝtatsekretario, reprezentis Usonon dum la tria konferenco ĉe Rio-de-Janeiro. Por pli bone utiligi la okazon rondvojaĝi tra la sudamerikaj ŝtatoj, li alvokis S-ron John Barrett, la tiama Usona ministro en Kolombio por ke li akompanu S-ron Root. Unu el la rezultatoj de tiu ĉi tre sukcesa rondvojaĝo estis ke S-ro John Barrett fariĝis la direktoro de tiu ĉi plej grava institucio. Post nelonge estis anoncita ke la sumo da 1.500.000 Sm. estis proponita de la grandanima S-ro Andrew Carnegie por ekkonstrui sufiĉe vastan kaj decan hejmon. La monofero estis akceptita de la kontrolantaro, kaj nelonge poste la Usona kongreso voĉdonis la pluan sumon da 400.000 Sm.

La unuaj laboroj progresis tiel kontentige ke la fundamenta ŝtono de la nuna belega konstruaĵo estis metita de la tiama prezidanto Roosevelt la 11. majo 1908; la elfinita konstruaĵo estis dediĉita la 26 aprilo 1910, de la nuna prezidanto Taft, en la ĉeesto de la tutamerika diplomataro kaj eminentularo.

*Celo de la Institucio*

La oficejo de la tutamerika respublikaro reprezentas Amerikon unuiĝintan. Ĉiu ajn respubliko sur la okcidenta kontinento aliĝis al tiu ĉi unika unuiĝo. Iom post iom la popolaro ekkomprenas kion la diplomataro tutmonda jam longe ekscias, nome : el ĉiuj projektoj kiuj elpensiĝis dum la plej lasta dekduo da jaroj de la pasinta jarcento, movado kiu alkondukis al Unuiĝinta Ameriko, estas la plej signifa. Tiu ĉi interamerika unuiĝo estis la vivdaŭra revo de la trofrue mortinta ŝtatsekretario Blaine.

La celo atingota estas la vastigado, firmigado kaj daŭrigado de pli intimaj rilatoj pri komerco, negoco kaj amikeco inter la du dekunu respublikoj Amerikaj. Kun la tempo la celo plilarĝiĝis ke tie ĉi nun post ĉiam estis aldonataj diversaj gravaj devoj. La oficejo por celoj komercaj en Nord kaj Sudameriko intime kuniĝas kun manufakturistoj, negocistoj, eks- kaj importistoj kaj kiel eble plej multe faciligas la interŝanĝon kaj vastigadon de negoco inter la amerika respublikaro, aliparte ĝi celas korespondadi kun la estraro de universitatoj kaj liceoj, kun forigitaj kaj lertuloj kun scienculoj kaj vojaĝantoj, provizante ilin je granda diverseco de informoj kiu multe pliigas ilian intereson al la diversaj amerikaj popoloj.

Estas eldonataj multe da broŝuroj, landkartoj kaj informlibroj pri vojaĝo, historio kaj speciale raporto pri komerco, negoco, tarifo, leĝoj, ktp. Sed la plej grava eldonaĵo estas la ĉiumonata bulteno enhavanta la plej freŝdatajn informojn rilate vivrimedoj, komerco, novaj entreprenoj kaj pri tiu ĉi ajn alia karakterizaĵo notinda de kaj pri tiu ĉi unuiĝo. Alia kaj tute praktika distingaĵo estas tiu ĉi notinda, nome, la tenejo de la arĥivoj de la internacia amerikaj konferencoj kaj de la « Columbus Memora Biblioteko », entenanta pli ol 18.000 volumoj pri la amerikaj popoloj.

La estrejo de l'tutamerika respublikaro estas subtenata de proporciaj monkontribuaĵoj de la dudek unu respublikoj. Ĝia kontrolantaro konsistas el la latin-amerika diplomataro ĉe Washington, prezidata de la ŝtatsekretario de Usono.

La ĉefa oficisto estas la direktoro kiu estas elektita de la kontrolantaro; tiel li estas la komuna oficisto de dudek-unu amerikaj respublikoj. Li estas responda pri la administrado kaj helpata de l'sekretario de la estrejo, de l'kanceliero kaj de la redaktora stabo de la ĉiumonata Bulteno, lertuloj pri statistiko, tradukistoj, stenografistoj, skribistoj, ktp.

La loĝantaro de la Respublikaro subtenanta la Internacian Oficejon estas proksimume 155.000.000 el kiuj estas 85.000.000 en Usono, 75.000.000 en la Latino-Amerikaj Respublikoj ; alivorte, proksimume triseponoj de la tuta loĝantaro estas en la Latino-Amerikaj landoj. La plej popolhavaj landoj en Latina Ameriko estas Brazilo, kun 20.000.000 ; Meksikujo, 14.000.000 ; Argentino, 6.000.000 loĝantoj.

La tuta eksterlanda komerco, de la samaj respublikoj 11.000.000.000 Sm., el kiu tio de la Latin-Amerikaj landoj estas 4.154.000.000 Sm., t. e. Latina Ameriko havas pli ol trionon de la tuta komerco de la Amerikaj Respublikoj, nome : Eksportado al transmaraj landoj 2.144.000.000 Sm., importado de transmaraj landoj 2.010.000.000 Sm. ; la tuta eksterlanda komerco kun Usono estis 1.116.000.000 Sm. ; tiu ĉi tutaĵo, kiu reprezentas proksimume kvaronon de la tuta eksterlanda komerco de aliaj amerikaj respublikoj, dividiĝas jene : Eksportado al Usono 636.000.000 Sm. ; importado el Usono 480.000.000 Sm. ; alivorte : ĉiuj Latin-Amerikaj landoj aĉetis de landoj aliaj ol Usono la valoron da 1.530.000.000 kaj aĉetis de Usono nur la valoron da 480.000.000 Sm.

*La Konstruaĵo*

Ĝi estas ĉarme lokita ĉe historia teritorio, iam la hejmo de la Van Ness familio kaj enfermas entute kvin akreojn. La diversa celo de la starigota konstruaĵo tre malfaciligis la verkadon de laŭcelaj planoj kiuj en la elfinita strukturo devas prezenti harmonian tuton, sed firmo de arĥitekturistoj en Philadelphia sukcese plenumis la malfacilan taskon portretigi la grandajn partojn de la okcidenta kontinento, Norda- kaj Suda Ameriko.

Alproksimiĝante la impresigan konstruaĵon en verdtapiŝita belega ĉirkaŭaĵo, oni vidas veran spektaklon de beleco, la plej surprizan kaj ravan kiun oni povas sonĝi. Tiom da originaleco de arĥitekturaj paradoj, kiuj faras ke la elpensita konstruaĵo vere senkonkuran majstroverkon ! Iom proksime de la enirejo staras grupo kiu dece elmontras la spiriton de Sudameriko : ina figuro, de grandega amplekso, superornamita de la kondoro, kiu simboligas saĝecon, protektadon, kaj pacon en la juneca figuro ĉe la flanko de la virino, tenante la flugil-havantan terglobon en etendigita mano. Palmbranĉo kaj papago kompletigas la grupon skulptitan de Isi-

# Esperanto - Movado

Komencante tiun kronikon, ni devas unue konstati, ke la nuna epoko estas tre malfavora por ni esplorantaj la esperantan movadon tra la mondo. La esperantistaro post naŭ aŭ dek monatoj senĉesa fervorega laboro por sia ideo laciĝas kaj postulas ripozon. Multaj el tiuj transloĝiĝas kamparon, aliaj vojaĝadas kaj la regula laboro ĉesas por rekomenci kun renovigitaj fortoj en oktobro. Nur tie kaj tie-ĉi brilados tamen fajreto, kiu ofte eĉ fariĝas grava flamo, rezulto de la zorge dissemitaj fajreroj de la Esperantismo.

**Franca Esperantisto**, aŭgusto 1910.

La novfondita Unio de la Francaj Esperantistaj Federacioj unu post la alia aperigas siajn cirkulerojn. En tiu numero ni havas la cirkuleron N. 3, kiu jam penas realigi la promeson, faritan en ĝia cirkulero N. 2, pri aperigo de la gazetaro.

Ĉiujn 15 tagojn la Unio presigas folietojn kun informoj pri la movado de Esperanto en Francujo kaj eksterlande por ĝia disvastigo en la jurnalaro. Laŭ mendo la grupoj partoprenantaj la Union povas ricevi tiujn folietojn, pagante iun malaltan sumon. La Unio esperas, ke iom post iom la jurnalredaktoroj, vidante, ke ili ricevas seriozajn informojn, komencas ilin enpresadi. La cirkulero N. 4 proponas servon de propagandaj broŝuroj. En tiu cirkulero ni trovas informon pri tio, ke, ĉar la Unio sukcesis varbi novajn anoncojn por la konata ruĝa broŝureto (Unua Lernolibro de la lingvo Internacia Esperanto) permesas al ĝi reeldoni ĝin kaj vendi por multe pli malkara prezo. Ĉiuj mendoj estas sendotaj al la sidejo de la Unio: Centra Oficejo Esperantista, 51, rue Clichy, Paris.

La Federacio Esperantista Rodana akceptis « Francan Esperantiston » kiel oficialan organon de la Federacio. La Centra komitato de la Federacio informas, ke S-ro Justin Godart, deputato ĉe la parlamento intencas dum la nuna periodo parlamenta roe prezenti la leĝproponon Cornet pri oficiala enkonduko de Esperanto en la francaj lernejoj. La komitato de Federacio alvokas la francan esperantistaron komenci la propagandon inter la deputatoj de sia kaj najbaraj regionoj por favorigi ilin al Esperanto. Ĉiuj favoraj respondoj de la deputatoj, se eble skribaj, estas danke ricevataj de la komitato, kiu poste transdonos la dokumentaron al S-ro Godart. La komitato mem faris jam paŝon en tiu senco.

La 5an de junio okazis la Unua kongreso de la Federacio Esp. de Okcidenta Francujo. La ĉefa punkto de tiu kongreso, kiel de ĉiuj tiu-ĉi-jaraj kongresoj de la diversaj Francaj Federacioj estis alcentrigita al la demando pri aliĝo al la franca societo por la propagando de Esperanto. Kiel ĉie tiu demado elvokis gravajn diskutojn kaj malpacojn. La demando estas prokrastita ĝis la dua kongreso de tiu Federacio. Alia grava demando estis la decido de eldono de trimonata bulteno. Ĝi estos redaktata esperante.

**Le Monde Espérantiste**, aŭgusto 1910.

Pri ĝi ni trovas informojn pri tio, ke la vic.-prezidanta grupo de la Federacio de la Burgonja Esperantistoj eksiĝis el la Franca Federacio de junaj Esp.-istoj pro malkonsento kun la nova direkto. Pli detale ni pri tio raportos, kiam ni parolas pri la oficiala organo de tiu Federacio « Juneco ».

Tiu numero enhavas multajn dokumentojn pri la sintenado de pluraj grupoj rilate al la novfondita unio. Ni bedaŭras, ke ni absolute ne povas enkonduki nian legantaron en la detalojn de la batalo inter niaj francaj amikoj, ke tiu batalo baldaŭ finiĝos.

En la sama numero troviĝas interesa artikolo de Luis Carlos pri « La historio de la transkribado per alfabeto de la homa penso tra la epokoj.

**Burgonja Stelo**, N 3, 1910.

Ĝi enhavas raporton pri la 3a kongreso de la Burgonja Federacio. Pri tiu kongreso ni jam resume raportis en unu el niaj antaŭaj kronikoj.

En tiu federacio tri urboj havas jam gvidfoliojn (Louhans, Pont-de-Vaux kaj Le Creusot). Du urboj havas jam gvidlibrojn (Le Creusot kaj Sens), unu universitatan gvidfolion (Dijon). Baldaŭ aperos gvidfolioj por la Beaune, Dijon, Mâcon, Nuits, k. c. Ĉiuj gvidfolioj estas eldonataj sub la aŭspicioj de U. E. A.

La Grupo de Beaune, konsistinta dum la 1905 el 37 membroj kalkulas nun 288 membrojn.

La grupo de Tournus ricevis subvencion de la urba konsilantaro kaj de la komerca Societo.

En la jarlibro de la komerca Societo aperis noto pri la grupo.

**Oficiala Bulteno** de la S. F. P. E. № 5a.

La franca societo de la propagando elektis siajn reprezentantojn por la Internacia Financa konsilantaro. Estis elektitaj : Generalo Sebert, Dor, Baudet, Bourlet, Dejean, Chavet, Ducros, Decourt, Drudin.

3 grupoj ne volis partopreni, oficiale anoncinte pri tio, ĉar en la oficialaj dokumentoj, invitantaj baloti la delegitojn, estis forlasita la vorto « financa », kio alisencigas la deziresprimon, akceptitan en Barcelono.

Ni ricevis la cirkuleron № 5an de la Unio de la francaj Federacioj de junaj Esp.-istoj, ke la konata gazeto « Le Petit Parisien » aperigas ĉiun lundon, merkredon kaj sabaton de la junio de aŭgusto kronikon pri la movado-esperantista. Ĝi estos verkita Esperante ; la tradukoj aperas en la sekvanta numero. La Unio invitas sendi informojn rilate al la ĉef-redaktoro de « Le Petit Parisien », 18, rue d'Enghien, Paris.

Aperis **Itala Esperantisto**. Adreso « Itala Esperantisto » Palermo. Abonprezo Sm. 1.20.

Ni gratulas la gazeton por ĝia bela devizo : « Fervore, fidele, konstante ».

**Belga Esperantisto**, aŭgusto, 1910.

Niaj belgaj samideanoj komencas jam de nun preparadi por ni la sepan kongreson. La supre nomita jurnalo malfermis jam specialan rubrikon por la kongresaj informoj. La kongreso okazos de la 20-27 aŭgusto 1911 en Antverpeno. La sepo por la sepa konsistas el S-roj Van der Biest-Andelhof, prezidanto de la Belga Ligo Esp.-ista, prezidanto.

Oscar Van Schoor, farmaciisto, vicprezidanto.

D-ro W. Van der Biest, okulisto, sekretariejo: (Adreso : 70, Minder, Broederstrui, Antverpen-Canal des Récollets, Anvers).

F-ino Marta Posenaer.

S-roj Leŭtenanto Fr. Dupont.

Louis Ritschie, ĉefoficisto de la Publika Instruado.

Fr. Schoofs, komerca oficisto.

La sepo jam tre ageme laboradas. Ĝi akiris la certigon de la morala kaj financa apogo de la urbestraro kaj de la kunhelpo de « Anvers-Réclame ». Interkonsente kun tiu organismo ĝi presigis kaj disdonas 1,000 tre elegantajn, bele ilustritajn 32-paĝajn broŝurojn pri Antverpeno kaj la kongreso, el kiuj 2,000 estas senditaj al Washington. La afiŝaj estas disdonataj kaj ĝis senditaj plej efike. Okaze de la Washington'a kongreso S-ro Gabriel Chavet faras paroladon kun lumbildoj pri la kongresurbo.

Ankaŭ estas eldonitaj 100,000 ekzempleroj de artplene gravuritaj reklammarkoj, vendataj en kovertoj de 100 ekzempleroj, po 1 fr. Jen bonega reklamilo, kiun ĉiuj samideanoj devos aĉeti.

Inter la organizotaj festoj estos citinda la prezentado de la famkonata teatraĵo Kaatje, originale franclingve verkita de Paul Spaak, esperantigita de D-ro W. Van der Biest, kaj ludota de artistoj de la Reĝa Flandra Teatro. La komedio estas presata kaj baldaŭ aperos.

Ĉar la nun La Sepo havas gravajn elspezojn pro la unua organizado, korespondaĵoj kaj presaĵoj, ĝi estos tre dankema al tiuj samideanoj, kiuj de nun mendos kaj pagos sian kongresan karton (Fr. 12, 50 : Sm. 5) sin turni al la sekretario-kasisto.

La sepo esperas, ke la sepa estos multnombre ĉeestata, kaj nenion preterlasas por ke la kongreso estu inda je la sesantaŭaj kaj je la konata gastamemo de la urbo Antverpeno.

En Belgujo fondiĝis 2 grupoj, kelkaj paroladoj okazis.

**Kataluna Esperantisto**, aŭgusto 1910.

Baldaŭ okazos la Geronprovinca Esp. kongreso. Inter la demandoj diskutotaj ni atentigas pri du temoj, 5a. Ĉu estas eble fondi gazetorganon de la grupoj de gerona « provinco » 6a.

**Svisa Espero**, aŭgusto 1910.

La Svisa jarkunveno okazis en Aarau 17an kaj 18an de septembro. Lastatempe en Svisujo fondiĝis 1 nova grupo kaj malfermiĝis 3 kursoj.

**Brazila Esperantisto**, julio.

Plena raporto pri la sukceso de la 3a Brazila Kongreso de Esperanto en Petropolis.

Lastatempe 2 novaj grupoj fondiĝis en Brazilujo, malfermiĝis 3 kursoj kaj okazis kelkaj paroladoj.

La kompanio de naciaj loterioj, tute propramove, publikigis reklamojn entenantajn malgrandan vortaron esperanto-portugalan kaj tion ĝi larĝe disdonis tra la tuta lando.

**Juneco**, julio.

Pro la batalado, kiu okazas nun inter niaj francaj samideanoj kaj en la juna Federacio de tiu ĉi lando ni devas konstati ke la komenco ageme enmiksiĝis rezultis multaj eksiĝoj el tiu Federacio.

Laŭ la citata numero el la federacio eksiĝis : S-ro Evrot el la honora komitato, la liceaj grupoj de Tunis, la kolegia grupo de St.-Flour, la licea grupo de St.-Omer. La 2 unuaj grupoj, aliĝis al la noto de « Juneco », deklaris, ke ili « forlasis la Federacion, pro la aliĝo de la T. F. J. E. al la « Unio de l'Francaj Esperantistaj Federacioj », kiun ili konsideras kiel batalilon kontraŭ la S. F. P. E. Pro la eksiĝo de la grupo Saint-Omer, kiu estis vicprezidanta, estis elektita kiel anstataŭanto la junula grupo de Armentières. La T. F. J. E. intencas kunvoki eksterordinaran kunvenon en oktobro, aŭ novembro.

**Internacia pedagogia Revuo**, julio n 3.

Internacia Pedagogia Revuo ne povis dum kelka tempo aperadi pro nevenkeblaj malhelpoj, kiuj nun estas plene forigitaj kaj tial ĝi nun ĉiam devas aperadi. La plej nova kajero enhavas interesan legaĵon ne sole por instruistoj kaj edukistoj, sed ankaŭ por gepatroj generale. Precipe la artikoloj « Kunedukado » de Ferrière-Eggleton, « Principoj de edukado de l'volo de St. Tomič kaj « La gepatroj kaj la edukado de la japana infanaro en la familio » de Vayja-Wessel vekas multe da intereso. La instruistoj trovos en I. P. R. multe da utila materialo, nome en informaj artikoloj pri la lernejo kaj instruisto en Japanujo, Skandinavio, Rumanujo, Saksujo, Kroatujo, Aŭstrio k. t. p. Grava estas ankaŭ la rubriko « Adresaro por instruistoj ». I. P. R. estas eldonata de Th. Čejka kaj eliras en Bystrice-Hostyn, Moravio, kie oni povas ricevi specimenajn kajerojn post alsendo de 2 respond-kuponoj. Membroj de « Internacia Asocio de Instruistoj » ricevas la revuon senpage ; jara kotizajo : 1 Sm.

# La Kongreso en Washington

**(Lastahore)**

Laŭ la informoj kiujn ni jus ricevis, la nombro de la kongresanoj atingis 1,000. Ĉeestis reprezentantoj de 37 landoj kaj oficialaj delegitoj de 9 registaroj.

La unua kunveno de U. E. A. okazis jaŭdon 18an je la 11a matene. Pli ol 300 personoj ĉeestis tiun kunsidon inter kiuj D-ro Zamenhof kiel honora prezidanto. D-ro Paul Hoffman estis prezidanto, kaj S-ro Mann (Londono), sekretario. S-ro Schubert, nia Del. en Washington legis saluton de la eŭropaj esperantistoj, kiu gajnis multe da aplaŭdoj. S-ro Warnier (Parizo) kaj diversaj aliaj oratoroj faris paroladojn pri la utileco de U. E. A. kaj elvokis multe da intereso. La dua kunsido okazis la 19an je la sama horo kaj ankaŭ bonege sukcesis. S-ro Warnier estis sekretario.

En nia proksima numero ni donos plenan raporton pri la kongreso.

dore Konti. Ĉe la alia flanko montriĝas du grandegaj statuoj, plej arte skulptitaj de Gutzon Borglani. Estas enkorpigita kaj simboligita la spirito de la norda duono de l'okcidenta kontinento. La figuro, Anglo-Saksa virino, simboligas la patrin-naturon kiu kunligas la puŝeman sed justeman rason, reprezentas la popolaron de l'Nordo. Ĝian energion kaj moderigon per la dekstra mano montras la torĉo de klereco, dum en la maldekstra mano ŝi bridigas sian ekpuŝeman spiriton, simboligitan per plenviva figuro de agema junulo. Je ŝiaj piedoj estas grupigita la ilaro kaj rezultaro de ŝia aktiveco en la belartoj.

La granda enireja portiko kun tri pordoj estas metita inter du kolosaj pilonoj, je ĉies piedoj vidiĝas gruparo de statuartaĵo, unu simboliganta la energian kaj puŝeman spiriton de Nordameriko, la alia memoriganta la reveman kaj resteman spiriton karakterizan de Sudameriko.

Enirante la konstruaĵon. oni troviĝas en mondo aliforma, alicela, kaj alikondiĉa. La vasta patio kun alilanda kreskaĵo, ĉirkaŭita de larĝa ŝtuparo kaj koridoro, unuavide nin surprizas. Ĉie respeguliĝas la eksterdoma vivo en la reva kaj paca klimato de unu aŭ alia sudkontinenta respubliko. Per glitiga vitraĵplafono la patio transformiĝas je dumvintra kreskejo kun konstanta temperaturo. La pavimo de la patio je propra kontrasto al la polurita marmora porgedo de la ĉirkaŭaj koridoroj estas plej arte tegolita. Tiu ĉi tegolaĵo, duonbarbara laŭ desegno, montras bone konatajn arkeologiajn fragmentojn el Meksiko, Gvatemalo kaj Peruo, sed pli ol tio, je la centra fontano vidiĝas la kulminacio de la pratipa viv- kaj pensmaniero de la majaoj, aztekoj kaj zapotekoj, ĉiuj reprezentantoj de praamerika civilizo en la vasta teritorio sude de la Rio Grande. La baseno estas ornamita per strangvidaj hieroglifoj el la tri epokoj.

Suprenirante unu el la larĝaj marmoraj ŝtuparoj oni troviĝas en la bela salonego de herooj. Sur ruĝmarmoraj piedestaloj troviĝas la blankmarmoraj bustoj de la eminentuloj de la antaŭtempa historio de la sudaj respublikoj super ĉies supro, laŭfasone de la Henry VII[a] kapelo ĉe Westminster, montriĝas nacia standardo el silkŝtofo. Tiuj ĉi estas la standardoj de la diversaj respublikoj.

Trairinte tiun ĉi rimarkindan lokon, oni atingas la Salonegon de la Estrejo kaj kunsidejon de la kontrolantaro. La salono estas alta 15 metrojn kaj sendube unu el la plej aristokrataj en la ĉefurbo. Estas intencite ornami la altvolbitan plafonon per pitoreskaj alegoriaĵoj pri la destino de ambaŭ Amerikoj. Karakterizaj ornametaĵoj vidiĝas je interspacoj de la gipsaĵo; interalie prezentiĝas la serpento de Uxmal. La dartura lilio kiu kreskas tiel abunde sur la plataĵoj de Meksikujo, estas malavare uzita kiel motivo de plibeligo. Ĉe la kontraŭa flanko estas la kunsidejo de la kontrolantaro. La plafono respeguligas fremdvidajn formojn el la tropika zono, ekz., kaŭmetoj, lilioj kaj serpentoj. La meblaro estas tegita per hispanuja ledo; ĉiu seĝo portas la blazonŝildon de unu el la respublikoj. Kunigita je tio estas la oficejo de la direktoro; la masivaj pordoj estas desegnitaj el kunmetigo de kelke da Meksikaj katedralpordegoj en pitoreska stilo. La oficistaro kaj libraro okupas du-trionojn de la tuta spaco, la ĉambregoj estas vastaj, sanigaj kaj bele lumigitaj.

Ni do ne finu tiun ĉi skizon, ne priskribinte eĉ malgrandmezure la belegan akceptejon, kies ornamaĵo estas Abio el Oregon, donacita de la eskrutaĵistoj el tiu ĉi stato, kiu estas la hejmŝtato de la direktoro kiam li estis elvokita kiel estro de tiu ĉi institucio.

Ne estas eble konigi, per nemultaj vortoj, tiun ĉi konstruaĵon, ĝiajn fantaziajn kaj grandegajn kondiĉojn. Pri tio, diris eminenta kritikisto « tie ĉi oni certe povas vidi starigitaj la revojn de inspirado amanta originalecon kaj rifuzanta la konstruregulojn ĝenerale akceptitajn ».

B. F. Schubert (Del. Washington).

# Homara Dataro

16[an] Aŭgusto. — 1773. — Papo Klemento XIV abolicias la jezuitojn.

1885. Batalo ĉe Ĉernaja en Krimeo venkita de la interligitoj kontraŭ la Rusoj.

17. — 1780. Naskiĝas en Parizo poeto Beranger.

18. — 1503. Mortas venenita, Papo Alesandro VI, B rĝja.

1504. Naskiĝas grafo Federiko Borromeo, ĉefepikopo de Milano, fondinto de la Ambroĝiana biblioteko.

1737. Unua publika ekspozicio de Belartoj en la palaco Louvre en Parizo.

19. — 1580. Mortas arhitekto Palladio el Vicento.

1662. Mortas fizikisto kaj literaturisto Jakobo Pascal.

20. — 1850. Mortas en Parizo verkisto de Balzac.

21. 1798. Naskiĝas glova historiisto Julio Michelet.

1828. Mortas Jozefo Gall elpensinto de la frenologio.

1838. Mortas Adalbertovon Chamisso, germana poeto kaj kotanikisto kiu plenumis la rondiron de la tero.

22. — 1849. Kapitulacio de Venecio post la ekstrema defendo.

23. — 1645. Paco inter Danujo kaj Svedujo subskribita en la kastelo de Brœmsebro.

1528. — Mortas pentristo Peruĝino.

24. — 410. Alariko almilitas Romon.

1572. Memorinda nokto de Saint-Bartelemy en Parizo.

1802. Naskiĝas A. Brofferio el Castelnuovo, Piemonto, juristo kaj poeto.

1823. Mortas Marko Botzaris en la batalo de Missoloungi (Grekujo).

25. — 1819. Mortas James Watt.

26. — 1321. Mortas Dante Alighieri.

1795. Mortas Jozefo Balsamo grafo el Cagliostro.

1883. Elsputo de vulkano Krakatoa (Java).

27. — 1635. Mortas hispana dramaŭtoro Lopes de Vegu.

28. — 1849. Daniele Maniu forveturas el Venecio al ekzilo.

1862. Batalo ĉe Aspromonte (Kalabrio) en kiu generalo Garibaldi fariĝis militkaptito de la reĝa itala militistaro.

30. — 1706. Ofero de Petro Micca en Torino.

1881. Mortas en Romo tragediverkisto kaj poeto Petro Cossa.

31. — 1811. Naskiĝas franca literaturisto Teofilo Gautier.

1834. Naskiĝas en Palermo komponisto Amilkaro Ponchielli.

1[an] Septembron. — 1792. Nacia konvencio kiu daŭris ĝis 26-X-1795.

1870. Kapitulacio de urbo Metz.

2. — 1870. Napoleono III, militkaptito de la prusa reĝo.

4. — 1870. Proklamo de la Franca respubliko.

5. — 1305. Naskiĝas en Brivio (Lombardia) la klera historiisto Cezaro Cantu.

1857. Mortas en Parizo matematikisto kaj filozofo Aŭgusto Comte.

6. — 1683. Mortas franca ŝtatisto Colbert el Reims (nask. 29-8-1619).

1707. Naskiĝas en Montbard Leclerc, grafo Buffon, naturscientisto.

1825. Proklamo de la sendependeco de Bolivio en Chuquisaca.

1158. La Milananoj subskribas la pacan traktaton kun Frederiko Barbarossa.

1701. Kunligo subskribita en Hago de Anglujo, Holando, Danujo kaj imperiestro Leopoldo kontraŭ Francujo.

8. — 1298. Unua ŝtono de S. Maria del Fiore en Firenco.

1474. Naskiĝo de Ludoviko Ariosto en Reĝjo de Emilio.

1832. Naskiĝas en Kadiz, oratoro, verkisto kaj ŝtatisto Emilo Castelar.

1905. Tertremo en Kalabrio.

9. — 1870. Generalo Garibaldi oferas sian glavon por defendi la francan respublikon.

10. — 1748. Antono Ullona eltrovas la Platenon.

11. 1599. Ekzekuto de la roma nobela virino Beatriĉo Cenci.

12. — 1528. Andrea Doria forpelas la francojn de Ĝenovo.

1660. Mortas Jakobo Cats el Bronwershawen, fondinto do la moderna holanda literaturo.

13. — 1213. Dominiko Gusmas okazigas la buĉadon de la Albiĝezoj.

1598. Mortas Filipo II[a] franca reĝo.

1658. Mortas Oliviero Cromwell.

1882. La angloj venkas kaj militkaptas Arabipaŝaon ĉe Tell-el-Kebir.

14. — 407. Mortas Joham Crisostomo episkopo de Konstantinoplo.

1321. Mortas Dante Allighieri en Raveno.

1812. La granda armeo de Napoleono ekokupas Moskvon.

1712. — Mortas astronomo Johano Dominiko Cassini el Perinaldo (Nico).

1851. Mortas Jame Fenimore Cooper usona romanisto naskiĝinta en Burlington en 1689.

15. — 1464. Papo Paŭlo II, mortas venenita.

1877. Mortas Konstanteno Canaris el Ipsara (nask. 1790) greka heroo kaj ŝtatisto.

A. Tellini

# La Faktoj

4 *Aŭgusto.* Stockel. — Morto de aviadisto Nikolo Kinet pro elfado de 200 metroj.

7. Parizo. — Flugas samtempe sur la urbo tri aeroplanoj : Latham, Weyssmann kaj leŭtenantoj Crosnier kaj Yoste.

8. Milano. — La ŝparkaso donas 40.000 Sm. por la direktebla aerŝipo de Forlanini.

9. Kopenhago. — Inaŭguro de internacia kongreso de helpo kaj bonfarado.

10. Torino. — Solena rememorigo de la unua centjarfesto de ŝtatisto grafo Cavour kiu la ĉeesto de ĉiuj ministroj.

12. — Usona aviadisto Brexel atingas per aeroplano altecon da 2.300 metroj.

13. Odeso. — Tri personoj estas frapitaj de pesta malsano.

14. Zuriho. — Kapitano Spelterini traveturas Alpojn per aerostato de Zuriho al Lanzo (Piemonto).

Santena (Piemonto). —. Patriota pilgrimado al la tombo de ŝtatisto Cavour.

Saujon (Francujo). — Fervoja malfeliĉego ; 100 mortintoj.

15. Bruselo. — Terura incendio detruas parton de la ekspozicio.

16. Bremo. — Mortas Pedro Montt, prezidanto de la respubliko de Ĉilio.

Berno. — Vizito de prezidanto Fallières.

17. Parizo. — Leblanc kaj Aubrun alveturas sur siaj monoplanoj, tiel venkante la ĉirkaŭon de l'Orienta Francujo.

Dover. — Usona aviadisto Moisant traveturas la *Manche* kanalon de Amiens al Dover kune kun sia mekanikisto.

18. Trani kaj Barletta (Poljoj. — Oni anoncas sur la ĵurnaloj la aperon de la ĥolero.

19. Rio Janeiro. — Alveturo de prezidanto de la Argentina respubliko, Saenz Pena.

Italesund. — La polusa ekspedo de Mikelsen alveturas en ĉi tiun havenon.

20. Romo. — Leŭtenanto Vivaldi-Pasqua elfalas de sia aeroplano kaj mortas.

Chambray. — Franca aviadisto De Beader elfalas de 20 metroj kaj restas grave vumdita.

21. Pesaro (Markoj). — Solena rememorigo de afrika esploristo Antono Cecchi.

Romo. — Altieri naĝas en la Tevero 60 kilometrojn.

Spoleto (Umbrio). — Inaŭguro de terkultura industria ekspozicio.

A. Tellini.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## *OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

**Diversaj Avizoj.**

∴ La venonta eldono de la *Oficiala Jarlibro* estos preparata dum oktobro. Ni do tre petas, ke oni bonvolu komuniki al ni ĉiujn adresŝanĝojn kaj korektotaĵojn.

∴ La *Kongresa Dokumentaro* estos sendata en la mezo de septembro. Ni rememorigas, ke ĝi kostas 50 Sd. afranke. (La Kongresanoj kaj helpkongresanoj ĝin senpage ricevos.)

∴ La Centra Oficejo de U. E. A. preparas nun la diversajn dokumentojn necesajn al la agado de niaj diversaj reprezentantoj, speciale Instrukcioj por Distriktaj Delegitoj, por diversfakaj Konsuloj k. t. p. Konforme al la deziresprimoj de la Kongreso diversaj ŝanĝoj en la interna administrado estos efektivigataj. Pri tio informos la Nº 9. de la *Oficiala Bulteno.*

∴ Nova eldono de *propagandaj nacilingvaj broŝuroj* estas en preparo. La teksto de tiuj broŝuroj estos modifata kaj adaptigata al la nova organizo de U. E. A. kaj al niaj lastaj progresoj. Tiuj diversaj broŝuroj aperos en oktobro kaj novembro.

**Citoj.**

34. S-ro de Hosson, Del. de *Dordrecht.* Nerespondo al informpetoj, nek al oficialaj leteroj (2[a] cito).

36. S-ro Ĉif- Toŝio, Del. en Tokio. Nerespondo al informpetoj. (1[a] Cito.)

**Eksigoj.**

29. S-ro Kastl, Del. en *Fiume,* ne respondinte informpetojn, nek avertilojn, estas konforme al § 19, forstrekita el la listo de niaj Del.

**Baloto de distriktaj Delegitoj.**

Ni ĉi-sube publikigas la rezultatojn de la baloto ke la *Distriktaj Delegitoj* por Eŭropo. (La lasta tempolimo por neeŭropaj landoj estas la 1[a] de oktobro.)

| Distrikto | Balotiloj | Voĉoj ricevitaj |
|---|---|---|
| Skotlando | 3 | Malloch 2, Buchanan 1. |
| Nord. Anglujo | 3 | Priestman 2, Hapton 1. |
| Orient. Anglujo | 1 | Browne 1. |
| Suda Anglujo | 3 | Adams 1, Cowper 1, Mare 1. |
| Centra Anglujo | 2 | Chew 1, Hodges 1. |
| Okcid. Anglujo | 3 | Lewis 2, Marriott 1. |
| Orient. Germanujo | 5 | *Kandt* 5. |
| Norda Germanujo | 0 | |
| Centra Germanujo | 4 | Rockmann 3, Ulitach 1. |
| Saksujo | 4 | Ader 1, Bettcher 1, Koetz 1, Blanka 1. |
| Bavarujo | 3 | Beideck 3. |
| Okcid. Germanujo | 5 | *Luis* 3, Pillath 1, Plos 1. |
| Nord-Okcid. German. | 1 | Gottgetreu 1. |
| Sud-Okcid. German. | 5 | Pfaff 2, Bode 1, Fricke 1, Haeussler 1. |
| Aŭstrio | 1 | Simbriger 1. |
| Bohemujo-Moravio | 15 | Kuhnl 7, Kubiĉek 2, Schonherr 2, Balik 1, Ĉejka 1, Pazets 1, Prochazka 1. |
| Galicio | 6 | Rudnicki 2, Skarkowski 2, Bienkowski 1, Esterak 1 |
| Hungarujo | 3 | Bulvovszky 2, Banoczy 1. |
| Adriatiko | 4 | Pohuista 1, Ŝpicer 1, Schwarz 1, Blanca 1. |
| Okcid. Francujo | 2 | Chauvin 1, Mariette 1. |
| Normandio | 2 | De Coninck 1, Fournier 1. |
| Norda Franc. | 5 | Deligny 2, Mennery, 1, Queste 1, Tronquez 1. |
| Pariza distrikto | 3 | Robert 2, Warnier 1. |
| Orient. Franc. | 2 | Maresquelle 1, blanka 1. |
| Burgonio | 4 | Rousseau 3, Dejean 1. |
| Centra Franc. | 4 | Decourt 2, Autin 1, Jégu 1. |
| Centra-Suda Franc. | 1 | Chatanay 1. |
| Sud-Or. Franc. | 6 | Gabert 2, Jabeuf 2, Maublanc 1, Ploussu 1. |
| Suda Franc. | 3 | Carles 3. |
| Sud-Okcid. Franc. | 3 | Brunet 3. |
| Nord-Afriko | 1 | Dufeutrel 1. |
| Nord-Okcid. Italujo | 2 | Stromboli 2. |
| Nord-Orient. Italujo | 2 | Tellini 1, Stevanini 1. |
| Centra Ital. | 1 | Monti 1. |
| Suda Ital. | 1 | Caltabiano 1. |
| Norda Hispanujo | 0 | |
| Centra Hispanujo | 3 | Larranaga 1, Lozano 1, Perogordo 1. |
| Orient. Hispanujo | 5 | *Sabadell* 3, Mares 1, blanka 1. |
| Sud-Or. Hispanujo | 1 | Martinez 1. |
| Suda Hispanujo | 1 | Linares 1. |
| Portugalujo | 1 | Proenca 1. |
| Finlando | 0 | |
| Centra Rusujo | 3 | Szabuniewicz 3. |
| Okcid. Rusujo | 3 | Sakowiĉ 3. |
| Polujo | 5 | *Robin* 4, Dobrzanski 1. |
| Suda Rusujo | 5 | Fomenko 1, Lebedeviĉ 1, Solovjov 1, Blankaj 2. |
| Orienta Rusujo | 0 | |
| Kaŭkazo | 1 | Fiŝer 1. |
| Danujo-Norvegujo | 1 | Finholdt 1. |
| Svedujo | 6 | *Lundgren* 3, Backman 2, Fransson, 1. |
| Holando | 7 | *Vermaas* 6, Pothast 1. |
| Belgujo | 3 | Mathieu 2, Van Schoor 1. |
| Svisujo | 5 | *Schmid* 3, Capeder 1, Hodler 1. |
| Grekujo-Turkujo | 5 | Bunemann 2, Stamatiades 2, Glandek 1. |
| Bulgarujo | 3 | Atanasov 1, Budjevac 1, Markov 1. |
| Rumanujo | 2 | Kaufmann 1, Nicolau 1. |

Konsiderinte tiujn rezultatojn, la Komitato de U. E. A. alprenis la jenajn decidojn :

1[e] Estu konsiderataj kiel definitivaj la balotoj nur en tiuj distriktoj kie partoprenis pli ol 5 (aŭ 5) Delegitoj kaj estu konsiderataj kiel definitive elektataj nur tiuj Delegitoj, kiuj ricevis la absolutan plimulton.

2[e] Por ne prokrasti la elekton de la distriktaj Delegitoj, la Komitato mem elektu *provizorajn* Delegitojn, laŭ la propono de la Administra fako.

Laŭ tiu decido estos do definitive elektataj kiel distriktaj Delegitoj :

*Norda-Germanujo*.... D[ro] M. Kandt.
*Okcidenta-Germanujo.* S[ro] B. Luis.
*Orienta-Hispanujo*.... S[ro] A. Sabadell.
*Polujo*.............. D[ro] Robin.
*Svedujo*............. S[ro] J. Lundgren.
*Holando*............. S[ro] P.-J. Vermaas.
*Svisujo*............. S[ro] J. Schmid.

La nomoj de la provizoraj distriktaj Delegitoj estos konigataj per vernonta Nº. Ĉiu distrikta Delegito ricevos specialajn instruckciojn kun necesa propaganda materialo.

### FINANCA FAKO

**Diversaj avizoj.**

∴ La personoj, al kiuj U. E. A. okaze ankoraŭ ŝuldas por la 1[a] Kongreso estas petataj sin konigi antaŭ la 20[a] de septembro.

∴ Ankoraŭ kelkaj Delegitoj havas debiton ĉe la kaso de U. E. A. Ni tre petas, ke ili bonvolu kiel eble plej baldaŭ ĉion elpagi, tiel ke ni povu starigi la tutjaran bilancon de nia Asocio.

∴ La financa fako preparas nun *financan regularon* konforman al la deziresprimoj de la Kongreso.

# Esperantia Parolejo

**Komerca Fako.**

Komercistoj, membroj de nia asocio ŝajne ne ankoraŭ konatiĝis kun la facilaĵoj, privilegioj, rajtoj kaj profitoj kiujn ili povas ricevi uzante la servojn tiel volontege faritajn de niaj delegitoj kaj konsuloj por komerco.

Estas konstatita fakto ke multaj komercistoj povas tiom pligrandigi siajn internaciajn klientarojn kaj eĉ komenci en internaciaj komercaj rilatoj, kiom ili neniam antaŭe kredis.

Tiaj grandegaj firmoj mondkonataj kiaj Thos Cook Son, Burroughs Welcome, Mœller G. Borel, Hachette, La Samaritaine, Henry Stephens, Selfridge, kaj tiom nekalkuleblaj firmegoj kiom ni ne povas tie ĉi enlistigi, atestas la meriton de niaj delegitoj farintaj profitajn servojn al ili.

Nun, la Londona Komerca Ĉambro per sia sekretario, al la U. E. A. konsulo komerca por Londono, skribas oficiale en tre afabla letero, jam farinte grandajn servojn al kelkaj niaj asocianoj : « Mi estas treege kontenta fari ĉian eblan servon. »

Do, estas tre konsilinde ke tiom kiom eble da Esp.-iaj komercistoj uzu niajn servojn por siaj propraj monaj profitoj kaj la bonfamo de nia asocio.

Se ili serĉas agentojn plej fidindajn, aŭ por vendi aŭ aĉeti komercaĵon en Londonon, aŭ bezonas statistikon pri la stato de iu metio aŭ komerco tie ĉi, deziras enmeti anoncojn en specialaj komercaj gazetoj, akiri anglan korespondanton aŭ oficistojn, komenci komercadon, malfermi filion, aŭ ion ajn kion povas fari komerca konsulo, ili nur petu la volontege donatan helpon de la ĉi tiea U. E. A. konsulo kiu havas ĉe si la helpon de la Londona Komerca Ĉambro; kaj ĝi devas esti io neplenumebla se ili ne povas kontentigi iun racian peton fareblan de komercisto.

Oni ne forgesu la respondkuponon kaj citon de la registrita numero en U. E. A., ĉar estas juste ke ni nur servu niajn proprajn subtenantojn. Niaj nur moralaj subtenantoj ne bezonas praktikan servon.

Ni havas bonajn oficejojn tie ĉi en la centro mem de Londono kie oni povas aranĝi renkontiĝojn k. t. p., kun negocistoj kaj cetere, nur ĉe peto kaj senkoste, kaj havi la personan servon de nia tuta helpantaro, kiu estas ĉe via dispono sole plenumante la kondiĉojn de membreco. Ili pruvu kaj kontentiĝu. Uzante niajn servojn vi ricevos materialan profiton, ni — moralan — kaj la efektiviĝon de nia songo.

P. Kaliski, Del., London.

**Grava alvoko al la alilandaj Esperantistaj vizitontoj dum 1910**

La geesperantistoj kiuj intencas veturi Italajon la estontan jaron en la okazo de la Internaciaj Ekspozioj de Torino kaj Romo, estas petataj sendi tuj sian plenan adreson al S-ro A. Tellini, delegito de U. E. A. en Bologna (strato Vallesavra, 11). Ĉiu persono povas aldoni la nomon de la kongreso kaj kiam la intencas fari sian vojaĝon.

Se mi ricevos multajn adresojn, mi faros peton al la komitatoj de la du Ekspozicioj por ke ili starigu specialan oficon esperantistan en la interno de la du ekspozicioj, kie la samideanoj trovas sin hejme, povos kunveni kaj ricevi informojn. Mi ne bezonas elspezi multajn vortojn por pruvi la gravecon de tio. Do rapidu sendi vian nomon kaj tiun de viaj kunvojaĝantoj. Tio helpos ankaŭ por starigi esperantistan sekcion ĉe la internaciaj kongresoj kiuj estos la plej vizitataj de la geverdsteluloj.

Jen la listo de la kongresoj internaciaj okazontaj en Romo.

Interparlamenta unuiĝo por la paco ;
Pacifistoj ;
Arĥeologio ;
Geografiio ;
Internacia Instituto de Sociologio,
Universitataj profesoroj ;
Reciproka lerneja kunhelpo ;
Federacio de la studentoj de medicino ;
Dermatologio kaj sifilografio ;
Tuberklozo ;
Fiŝkaptado ;
Artistoj ;
Muziko ;
Asocioj por la naturaj belecoj ;
Gazetaro ;
Arĥitekturistoj ;
Fervojaj inĝenieroj ;
Aŭtomobilismo ;
Industrio de la konstruadoj kaj de la publikaj laboroj ;
Laboristaj de l'marmoro ;
Presarto ;
Stenografio ;
Gimnastiko.

*En Bologna* en aprilo, kongreso de filozofio.

Mi donos en la estontan numero la liston de la Kongresoj okazontaj en Torino kaj en aliaj urboj. Samideanoj helpu min.

A. Tellini.

# La 1[a] Kongreso de T. E. K. A.

Alvenis Augsburgon jenaj T. E. K. A. anoj : Prof. Dor (Lyon), D-ro Mybs (Altona), kaj D-ro Briegleb (Worms), Chybczynski (Varsovio), Claudé (Ancerville), Fiŝer (Tiflis-Kaŭkazo), Hagen (Zgierz-Polujo), Kabanov (Moskvo), Krikortz (Stockholm), Mikolajski (Lwow), Papsch (Innsbruck), Robin (Varsovio), Rosenberg (Berlin), Stubenvoll (Reichenhall), Vejtcler (Rostov-Rus), Weiss (Schwaben) kaj prof. de matematiko D-ro Ingham Harry (Bury-Anglujo). Multaj T. E. K. A. anoj esprimis telegrafe sian grandan bedaŭron, ke ili ne povis ĉeesti kaj salutis la kongreson ». La malferma kunveno okazis la 1-an de Aŭgusto je la 10 h. matene. La prezidanto, prof. Dor, kiu komencis per saluto al ĉeestantoj, tralegis salutleteron de D-ro L. L. Zamenhof kaj salutajn telegramojn de kolegoj, malhelpitaj ĉeesti kongreson. La *Unua labora kunsido* komencis la saman tagon je la 5-a p.t.m. Dum ĉi tiu kunsido estis precipe la propono de D-ro Uhlmann (Huttwil), koncernanta la medicinan terminologion. Viglan diskutadon, en kiu partoprenis ĉiuj estantoj sekvis la jenaj konkludoj : estas decidata 1-e starigi laŭ propono de D-ro Uhlmann specialan komisionon, en kiu ĉiu nacia lingvo havus po du reprezentantoj, komune elektontaj sian centran komitaton. 2[e] oni konsevos la ekzistantan sciencan, grekolingvan terminologion; pro kio estas necese, ke starigota komisiono sin okupu nur pri elekto po unu vorto el multenombroj ekzistantaj sinonimoj.

*Dua labora kunsido.* — Estis legita propono de D-ro Perez Domingo el Huermecas (Burgos-Hisp.) pri internacia kuracista organizado por havigo de pagataj sciigoj per Esperanto. Post sufiĉe longa diskutado oni decidis, ke la nunaj reprezentantoj de T. E. K. A. tute sufiĉas por la plenumado de proponitaj sciigojn poste sekvis la propono de D-ro L. Chybczynski (Varsovio-Polujo) pri fondo (en plej gravaj centroj de scienca movado) de profesiaj kursoj en lingvo Esperanto por diverslandaj praktikaj kuracistoj. La ĉeestantaro plene aprobis la ideon de D-ro Ch., trovis ĝin tre utilan sed bedaŭrinde la centra komitato esprimis opinion, ke pro multaj gravaj aliaj aferoj, ĝi ne povas preni sur sin eĉ la taskon aranĝi specialan komisionon por propagando inter profesoraro kaj privatdocentaro de parta esperantigo de feriaj kursoj por diverstaŭ kuracistoj. Estas do necese, ke D-ro Ch. bonvolu mem dum, la jaro per korespondado propagandi sian ideon kaj dum la dua Kongreso de T. E. K. A. ripeti sian proponon kaj postuli aranĝadon de speciala komisiono. La sekvanta numero de la tagordo enhavis la demandon pri la bezono kaj loko de la ĉiujaraj kongresoj de T. E. K. A. kaj oni decidi unuvoĉe, ke la kongresoj de T. E. K. A. okazu ĉiujare kaj prefereble samtempe kaj samloke kun la ĝeneralaj esperantistoj kongresoj. La sekvanta kongreso de T. E. K. A. okazos do en Antverpeno en 1911 dum la sepa internacia esp. Kongreso. Ĉar la St- Etienne'a grupo invitis la T. E. K. A. aranĝi sian kongreson en sia urbo, la kongresanoj decidis kore danki la suprecititan grupon pro ĝia afabla invito. Oni esprimis poste la deziron, ke T. E. K. A.-anoj mem laŭeble influu sur la organizantoj de ĉiu-jaraj naciaj kuracistaj someraj ekskursoj al banlokoj, ke ili direktadu, se eble, siajn ekskursojn en lokoj en ĉirkaŭaĵo de ĉiujara internacia esperantista Kongreso. Fine D-ro Rosenberg (Berlin) prezentis sian belan artikolon sub titolo « Der Internationalismus in der Medicin und Esperanto », kiu aperis en ĵurnalo « Sociale Hygiene und Medicin » 1901. La ĉeestantaro kore dankis la aŭtoron pri lia laboro, kiu sendube grave propagandos nian aferon inter ĝis nun ankoraŭ ne esperantigitaj kolegoj.

*Tria labora kunsido.* — D-ro Robin (Varsovio) havis la prilegon (kies esenco estos enpresata en « Voĉo de kuracistoj ») pri praktikaj profitoj de la Schmids'a metodo por diagnozado de intestaj malsanoj. Sekvis tre vigla kaj interesa diskutado, en kiu partoprenis prof. Dor pr.-dir. Kabanov (Moskvo), D-ro Krokosby (Stockholm) kaj D-ro Rosenberg (Berlin), tuŝinta la nunajn metodojn de diagnozado de intestaj malsanoj (la rekto-skofio, la fizikaj kaj ĥemiaj metodoj k. t. p.). Dum restanta tempo de kunsido oni grave pridiskutis proponojn, koncernantajn ŝanĝojn en organizado de nia centra komitato. D-ro Robin proponis dividi la laboron de sekretario en kelkaj partoj, ĉar pro la rapida disvolviĝo de la asocio la korespondado fariĝis tre vasta. Oni decidis dividi la sekretarian laboron en kelkaj partoj kaj starigi komence kvar fakojn, el kiuj ĉiu havos sian gvidanton. Dume necesaj estas jenaj fakoj. 1[o] fako por banlokoj 2[o]. — por universitatoj 3[o]. — por gazetaro 4[o]. — por ekskursoj. El ĉeestantoj D-ro Chybczynski esprimis la deziron gvidi unu el la supraj fakoj kaj kunveno danke akceptis tian proponon. — Krom tio oni decidis trovi ankoraŭ tri fervorajn kolegojn, kiuj prenus sur sin la taskon de gvidantoj de aliaj fakoj.

*La lastan Kvinan Kunsidon,* plenigis entute diskutado pri la grava afero de nia aficiala organo por estonta jaro. La prezidanto, prof. Dor, tralegis la kondiĉojn de la redaktoro de « Voĉo de Kuracistoj », D-ro Mikolajski kaj poste sekvis tre longa kaj viva diskutado, en kiu partoprenis ĉiuj ĉeestantoj. Oni decidis meti al D-ro Mikolajski jenajn kontraŭkondiĉojn : La T. E. K. A. akceptos la « V. de K. kiel sian oficialan organon por 1911 jaro, se 1[o] D-ro M. fariĝos la ĉefredaktoro de la organo, 2[o] estos starigita institucio de naciaj redaktoroj, kies tasko estas kolekti materialon el nacia gazetaro por riĉigi sciencan enhavon de nia organo, 3[o] centra komitato de T. E. K. A. havos rajton enpresigadi ĉiujn oficialajn sciigojn pri la asocio, 4[o] la T. E. K. A. kaj D-ro M. dividos inter si ĉiujn elspezojn de la eldono. Prof. Dor sciigis la kunvenon ke, bedaŭrinde, D-ro M. pro multaj siaj altaj okupoj neniel povos de la komenco de 1911 jaro plenumi laboron, kunigitan kun ofico de kasisto de T. E. K. A. La kunsido decidis proponi al la T. E. K. E.- anoj kiel kasiston por 1911 jaro D-ro Chybczynski poste oni decidis starigi specialan komisionon, kiu okupos sin pri la definitiva organizado de nia oficiala organo. Sekvis la legado de la sekretaria raporto pri la nuna stato de la T. E. K. A. La sekretario konstatis la ĉiaman kreskadon de la nombro de asocianoj (=710) kaj de reprezentantoj (=120), kio pruvas, ke la kompreno de la neceseco de komuna helplingvo bone disvolviĝas inter diverslingva kolegaro. — Poste laŭ la propono de D-ro Chybczynski oni decidas danki ĉiujn banlokajn reprezentantojn de T. E. K. A. kaj delegitojn de U. E. A. por ilia afabla helpo en la aranĝo de postkongresa ekskurso. (La saman tagon tuj post la fermo de la Kongreso de T. E. K. A. okazis ekskurso al najbara banloko Wœrishofen). — Fine oni decidis, se D-ro Mikolajski, malgraŭ la peto, esprimota en nomo de Kongreso, persistus en sia deziro de eksiĝo, kore danki lin pro gravaj servoj alportitaj por nia afero.

D-ro L. Ch.



# BIBLIOGRAFIO

Oni petas senkulpigi la nevolan prokraston de la apero de la *Aldono* al la *Plena Vortaro* de S-ro *Boirac.* La kaŭzo de tiu prokrasto estas ke la *Aldono* troviĝis, dum la verkado kaj presado mem, multe pli grandampleksa ol oni antaŭvidis. Pro la sama kaŭzo, oni estis devigita limigi al la jam antaŭmendintaj aĉetantoj la senpagan sendon de la *Aldono* : ĉiuj poste mendontaj estas petataj sendi kun la mondo la sumon du 1 fr. 50 por ricevi ĝin afrankite. Oni esperas ke la presado estas baldaŭ finita kaj ke la *Aldono* antaŭ ne longe aperos.

**Rusa-Esperanta Vortaro.** Verkis : D-ro N. Korzlinskij, R. Mencel, G. Smirnov, A. Stupin, Trarigardis D-ro Z. Zamenhof. Mendebla ĉe librejo « Esperanto », Moskvo, 28, Tverskaja, Prezo Sm. 1.75.

**Sherlock Holmes en servo de la hispana trono.** N.-05. de Biblioteko de Ĉasopis Ĉeskyĉh Esperanstistû en Praha II. Dittrichova ul. 7. Prezo : 75 ctm. Rabate 10 ekz. Sm. 2.70. 42 pĝ. 13.21. En flua, senerara Esperanto estas verkita tiu ĉi unua satiro en nia literaturo. Laŭ la lingva vidpunkto ĉerpos el ĝi ne sole la komencantoj, sed ankaŭ perfektaj Esperantistoj legos kun ĝojo la diversajn vortturnojn kaj la elegantajn dirmanierojn, da kiuj la libro estas plena. En sep ĉapitroj estas priskribata la historio de praktikanto Leliĉek, kiu pro sia vizaĝsimileco estas lerte elserĉita de la fama detektivo Holmes kaj kiu nun ludas la rolon de la hispana reĝo Alfonso XIII, por ke nepre ne povu ĉi tiun trafi iu malfeliĉa anarkisto! Ni legas pri la kortegaj ceremonioj pri kiuj oni instruas nian heroon, pri lia unua aperiĝo en areno, pri lia konferenco kun la angla rego kaj la germana imperiestro (tiu ĉi ankaŭ estis falsa), pri la danĝeroplena vojaĝo en Anglujon k. t. p.; sed ankoraŭ aliaj interesaj scenoj estas enhavitaj en la verketo : ĉiu amiko de humoro legos kun plezuro la verkon, kiu majstre ridindigas la « detektivajn romanojn ».

**Instrua Kolekto pri la Bohemaj Landoj.** — D-r. Jos. Belohlav : Serio I. Sistemaj monografioj pri urboj; urbetoj kaj memorindaj lokoj en landoj de la bohema krono. Praha. Propra eldono. Abono por 10 n.-oj Sm. 2.30. Praha. Kr. Vinohrady 1488. Monate aperas du kajeroj.

Celo de tiu ĉi rimarkinda publikaĵo estas prezenti la kiel eble la plej kompletan kaj trafan bildon de ĉio, kion belan la naturo kaj la homa mano estis en Bohemujo kreintaj. Tial fundamento de ĉiu volumo estas bilda parto, sume po 16 bildfolioj, kiuj surhavas reproduktaĵojn vere de artisma talento elektitajn. Luksa, kvarkolora karto de la ĉirkaŭaĵo de priskribata loko estas tre bona orientiga helpilo. La unua kajero de tiu ĉi kolekto enhavis tekstojn kvinlingvajn boheman, esperantan, francan, germanan kaj rusan ; la pluaj kajeroj estos redaktataj sole boheme kaj Esperante. Sincere ni povas rekomendi tiun ĉi novan verkon. Ĝis nun aperis kajeroj pri urboj Turnov, Mnichovo Hradiŝte, Baska, Jiĉin, Sobeslav. Aboni oni povas ĉe la eldonanto aŭ le Bohema Unio Esperantista en Praha II. Vodiĉkova ul. 38.

**Oraj leteroj** de Percy Sadler. Eldonita de Flükiger & Scmid. Bern. Redaktita en 6 lingvoj, Esperanta parto redaktita de S-ro Schmid, komitatano de U. E. A.

Kolekto de tre bonstilaj leteroj pri diversaj okazaĵoj de la vivo. La Esperanta traduko estas bonege farita de nia sperta samideano kaj ni sincere povas rekomendi tiun verkon al ĉiuj personoj dezirantaj perfektiĝi en Esperanta korespondado kaj bonstilo.

**Picture Lessons in Esperanto** de S. R. Marshall kaj W. W. Mann. Londono, British Esperanto Association, 133-136, High Holborn, W. C.

**Internacia Stenografio Espersteno.** — Adaptita al Esperanto de Josian Catton, Redaktita angle. Eldonita de S-ro Izaak Pitman & Sons, Limited, 1, Amen Corner, London. E. C. Prezo 1 ŝilingo.

**Gvidlibro tra Salsbad-Luhaĉovice** en Moravio. Redaktita boheme. S. S.

**Ĉiuj plej gravaj libroj kaj ĉiuj ĵurnaloj estas mendeblaj ĉe Universala Esperantia Librejo,** *10, rue la Bourse, Genève.*

